VIIIa jaro. No 124 ★ Duonmonata ★ 5 Junio 1912

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

**ABONO**

Jara abono . . . . . . 2,00 $ (5 fr. ») 
Luksa eldono. . . . . 2,50 $ (6 fr. 25) 
*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato.*

DIREKTORO :

**HECTOR HODLER**

**REKLAMO**

Reklamo (1 linio aŭ ĝia spaco). 20 Sd. 
Anonceto (1 linio : 10 vortoj) . 15 Sd. 
Korespondado (1 enskribo) 20 Sd. 
*Rabato da 10 % por 4 enpresoj, 25 % por 12 enpresoj ; 50 % por 24 enpresoj.*

Redaktejo & Administrejo : 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO



# PACO KAJ BATALADO

Ni estas feliĉaj prezenti al nia legantaro la subajn pripensojn de granda sociologia franca literaturisto, S-ro J.-H. Rosny (aîné) pri la evolucio de la batalado. La verkaro de tiu eminenta literaturisto estas mirinda studo pri la bataloj de la homo baraktanta kontraŭ la energioj lin ĉirkaŭantaj, kaj nenio estas pli impresa ol sekvi, kun la aŭtoro de *Erymah* kaj de la *Ruĝa ondego* la diversajn fazojn de l'evolucio, de la prahistoriaj tempoj ĝis la nunaj epokoj. En tiu evolucio al superaj formoj, la batalado estas la esenca elemento, sed, kun la civilizo, ĝi altiĝas al superaj formoj. Interese estas vidi, en la suba studo, kiel simple S-ro J. H. Rosny defendas tiun tezon.

Konscie aŭ nekonscie, la kontraŭuloj de pacifismo konfuzas la militon kaj la socian konkuradon. Tio estas ŝajne prava konfuzado, kiu helpas eternigi la malprecizajn diskutojn kaj la malklarajn teoriojn.

La konkurado estas ĝenerala elemento de selektado, kiu retroviĝas en la interhelpado mem kaj ne povas esti apartigata je la plej bela altruismo ; ĝi vestas formojn tiom pli diversajn, kiom pli komplikaj estas la civilizoj ; la milito estas nur aparte bruta kaj sovaĝa formo de la konkurado. Oni povas esti fervora partiano de la batalado kaj konvinkita kontraŭulo al la milito. Tio estas demando pri metodo. La milito ne pli kunfandiĝas kun la batalado, ol la laboro de moderna societo kunfandiĝas kun la laboro de altcivilizita societo.

Oni povas, laŭ la Tolstojaj principoj, esti malamiko al ĉia ajn batalado, kredi nur pri la homa bonvolo kaj frateco, aŭ, kiel Kropotkine, meti la interhelpemon antaŭ la konkurado — almenaŭ en la demandoj rilataj al la materia bonstato. Sed oni ankaŭ povas kredi, ke troaj frateco kaj interhelpemo estas aparte taŭgaj por moligi la energiojn kaj dormigi la inteligentojn. Societo bazata sur ekstrema bonvolemo fine igus la homojn sensignifaj kaj iom ridindaj. Cetere, la partiano de la batalado neas, ke tia societo estas ebla. Laŭ li, la interhelpemo ĉiam devas esti kompensata de konkurado. Tion postulas ĉiuj tendencoj de la energiaj rasoj ; se la konkurado malfortiĝas, tio estas certa signo de degeneriĝo. Krom tio, la interhelpemo baldaŭ fariĝus neebla, se aktiva selektado ne eltirus la individuojn plej kapablajn por superi, krei kaj produkti.

Vane, oni asertos, ke la selekcio povas esti plenumata per la altruistaj virtoj. Ĉiuj observistoj scias, ke oni ne povas kuniĝi por komuna celado sen tio, ke konkuroj miksiĝas kun la disciplino. La manko de tiaj konkuroj estas ĝenerale la signo, ke la celado neniun interesas : tia entrepreno baldaŭ dekliniĝas aŭ difektiĝas. Oni do ne devas labori por la foriĝo de la konkuroj kaj batalado. Ĉie, kie oni tion faras, ĉie, kie regas facila indulgemo, oni baldaŭ povas konstati la renaskiĝon de la malnoblaj difektoj de l'homo : la malkuraĝo regas, la malŝparoj, la kaŝa rabado kaj la malmoraligaj ruzoj ne ĉesas kreski.

* *

Memkompreneble la konkuroj estas funkcio de la ĝenerala stato de la medioj. Kiam la homoj estas nekapablaj imagi alian manieron havigi al si nutrajon, ol per rabado, la batalado estas konstanta kaj sovaĝa. Nur ekstrema abundeco povas ebligi la konservadon de la paco ĉe la gentoj vivantaj sur la stepoj aŭ loĝantaj en la arbaro. Se tiu ĉi gento ne plu trovas ĉasajon sur la tero de siaj prapatroj, ĝi devas uzurpi parton de la tero okupata de la najbaraj gentoj.

Sed kiam la industrio kaj la komerco estos progresintaj, la nesufiĉa produktado — kiel estis la produktado ĉe la plimulto de la antikvaj popoloj — devige trudas la uzon de la perforto. Sed oni klare vidas, ke, en la sama tempo, kiam la produktado fariĝas pli kaj pli facila, la milito tendencas fariĝi malpli ĝenerala kaj malpli ofta elemento de batalado. Kun la tempo, grandegaj popoloj sukcesas konservi konstantan pacon : imagu la sennombrajn militojn, kiuj okazus sur barbartempa tero inter la sesdek ses milionoj da homoj, kiuj loĝas nunan Germanujon!

Pli kaj pli, la militoj inter du nacioj estas apartigataj per longaj tempospacoj, tiel ke la rilataj soldatoj ne plu estas militistoj, en la pura senco de tiu vorto : en okazo de milito inter Francujo kaj Germanujo, ekzemple, la granda plimulto de la batalantoj ne estus antaŭe aperinta sur iu batalkampo. Tiu konstato montras al ni, kiel malmulte respondas al la realeco la konata himno de Moltke laŭdeganta la belajn efikojn de la militistaj virtoj. Neniu aljuĝos *militistajn virtojn* al la melankoliaj soldatoj, kiujn Francujo, Germanujo, Aŭstrio, Italujo, du jarojn enfermas ĉe la kazernoj. Kaj kalkulu kiom da senkulpaj soldatoj vivis sub tiu trankvila reĝimo de post 1871.

*
* *

Sekve, el eksperimenta vidpunkto, ne estas mallogike pretendi, ke la milito estas sistemo de batalado, kiu, krom neeviteblaj reakcioj, ne ĉesis malkreski kaj ankoraŭ malkreskos. Ha! sendube, oni devas sin gardi kontraŭ tro grandigoj kaj ne anonci morgaŭ, kiel mi aŭdas de tri dek jaroj, la definitivan fermon de la templo de Janus. Ni vidis la militon turko-rusan, la militon hispano-usonan, la Ĥinan militon, la militon anglo-boeran, la militon ruso-japanan, kaj hodiaŭ ni vidas Italujon baraktanta kun la fortoj, kiujn Turkujo povis kolekti en Tripolitanio : vana estas la espero, ke tiuj militoj estas la lastaj, kiuj starigos homojn kontraŭ homoj! Sed oni ankaŭ ne devas resti hipnotigata nur de tiaj grandaj akcidentoj. Se oni analizas ilin, oni baldaŭ konvinkiĝas, ke ili ne povas malfortigi la tezon de tiuj homoj, kiuj konsideras, ke pli kaj pli maloftaj fariĝos la militoj. Sed ni zorgu ne konfuzi tiun malkreskon kun ĝenerala malkresko de la batalado. Nenio permesas konkludi, ke la homo de la altaj civilizoj malpli bataladas por la vivo, por la komforto, por la lukso, por la vanteco, ol la homo de la malaltaj civilizoj kaj de la barbaraj tempoj. Egipto, Hindo, Turko vivas ordinare, multe pli pasive, ol Anglo, Germano aŭ Amerikano : ili ne konas tiun konstantan febron, kiu jetas nin unu kontraŭ la alia. Sovaĝulo ĝin ankoraŭ malpli konas.

Fakte, en neniu epoko kiel nia, oni elspezis tian energion de konkurado — kaj la socialista movado, kiu leviĝas ĉirkaŭ ni montras ĉiuparte kreskantan spiriton de batalemo. Cetere, io alia estas certa : interhelpemo paralele kreskas. Ni kreas pli kaj pli multe da individuaj kaj sociaj entreprenoj en la celo malhelpi, ke nia proksimulo mortu de malsato, de malsano, de akcidento, aŭ havu mizeran maljunecon. Ekzistas nenia bona kaŭzo por pretendi, ke tiu paraleleco ne estas la socia normo. Kaj el tio oni povas logike konkludi, ke, se la batalado estas fatalajo, la formoj de tiu batalado estos malpli kaj malpli brutaj kaj detruantaj.

Trad. (1) A. R. J. H. Rosny (ainé).

(1) El " Le Mouvement Pacifiste ".

# Kion devas scii la Esperantistaro

(*Sekvo*)

Okaze de la artikolo aperinta sub tiu titolo en *Esperanto* de 20 aprilo, ni ricevis la jenan leteron, kiun ni volonte publikigas :

Sinjoro Direktoro,

Mi legas en la numero de la 20-a de aprilo de via ĵurnalo longan artikolon subskribitan de vi sub la titolo « Kion devas scii la Esperantistaro ». Ĝi entenas malpravajn kritikojn kontraŭ la agado de la Administra Komitato de la Esperantista Centra Oficejo, kies prezidanto mi estas kaj eĉ ofendajn rimarkojn kontraŭ miaj propraj faroj.

Mi ne volas respondi, en gazetoj kiuj deziras polemikon, pri la personaj atakoj, kiujn oni povas publikigi kontraŭ mi, sed, kiel prezidanto de la Administra Komitato de la Centra Oficejo, mi devas protesti kontraŭ la publikigo de tiu artikolo, kiu povas erarigi la Esperantistojn.

Citante nur parton de privata dokumento, kiun vi ne rajtas publikigi, vi eltiras el ĝi malĝustajn kalkulojn kaj konkludojn, nome pri la monsumoj, kiujn devus pagi la Esperantistoj por la subtenado de la Centra Oficejo, kaj pri la sumo bezonata por funkciado de la Lingva Komitato. Pri la unuaj, vi ne memorigas ke mi proponis peti de la Esperantistoj nur la sumojn elspezotajn por la partoj, kiujn ili trovos vere necesaj; pri la dua, vi citas nur malgrandan sumon, kiu rilatas al negravaj aferoj kaj vi ne enkalkulas la ceteron de la elspezoj, kiu estas montrita en aliaj ĉapitroj. Plie vi tute malprave kritikas la decidojn, alpreniitajn, laŭ mia propono, de la Administra Komitato de la Centra Oficejo, kaj malĝuste riproĉas pri tio mian agadon. Mi nur faris mian devon, plenumante la taskon, kiun speciale komisiis al mi la Sepa Kongreso, pri la organizado de la Centra Oficejo, la fiksado de la kotizo pagota de la Rajtigitaj Delegitoj kaj la kreado de Societo de Amikoj de Esperanto. (Vidu *Oficiala gazeto*, n-ro 37, p. 141 kaj sekvantaj). Kiel prezidanto de la Komisio por ĝenerala organizajo, mi konstante zorgis por doni al la Subkomisio elektita dum la Sepa Kongreso ĉiujn faciligojn por plenumi sian taskon, kaj mi ne estas kulpa, se, ĝis nun, ĝi ne sendis la preparatan raporton.

Vi malprave riproĉas al mi, ke, ne atendante la finon de la laboroj de tiu Komisio, mi senrajte starigis parton de ĝenerala organizajo, kies kreadon speciale devis studi kaj proponi tiu Komisio. Tion mi ne faris sed mi nur plenumis la taskon speciale komisiitan de la Sepa Kongreso al la Administra Komitato, kiun mi prezidas.

Se Vi kaj kelkaj el la ceteraj ĉeestintoj, kiuj partoprenis la diskutojn dum la Sepa Kongreso, ne havis la saman opinion kiel la aliaj kongresanoj kaj kontraŭbatalis la decidojn, kiujn ili, per granda plimulto, akceptis, tio ne donas al vi la rajtojn publike instigi niajn samideanojn, ke ili ne akceptu la decidojn regule alprenitajn kaj precipe ne partoprenu al la elekto de la Rajtigitaj Delegitoj, kies kreadon decidis la Sepa Kongreso, laŭ speciala deziro de nia Majstro.

Akceptu, Sinjoro Direktoro, mian samideanan saluton.

H. Sébert.

*
* *

Respondo

1° Nia gazeto tute ne deziras polemikon, kiel oni povis ĝis nun konvinkiĝi, sed tiu deziro tamen ne devas iri ĝis trompiĝo kaj forigo de ĉiu kritikrajto. Oni bonvolu relegi mian artikolon kaj vidu, ĉu ĝi enhavas « personajn atakojn » kontraŭ G-lo Sébert; lia nomo estas cetere nur unufoje citita, simple kiel subskribinto de cirkuleroj, kies enhavon ĉiu havas la rajton komentarii kaj kritiki. Mi citis faktojn kaj ciferojn, apogante min ekskluzive sur la dokumentoj eldonitaj de la C. O. Mi konstatas, ke ĝuste al tiuj faktoj kaj

ciferoj G-lo Sébert absolute nenion respondas en preciza maniero.

2e G-lo Sébert bonvolu montri, per ciferoj, kie mi eltiris malĝustajn kalkulojn kaj konkludojn. Mi montris, ke la C. O. ne povos vivi per la Esperantistaro, tute egale ĉu ni pagas la postulatan kotizaĵon aŭ ne. Mi ankoraŭ atendas la pruvon pri la malĝusteco de mia kalkulo. Plie, ĉar G-lo Sébert ŝajnas plendi, ke mi publikigis « nur parton » de la dokumento, mi volonte publikigas la tuton, kiun oni trovos ĉi-sube. Tiamaniere ĉiu leganto povos mem kontroli, ĉu miaj konkludoj estis ĝustaj aŭ ne.

3e La aserto, ke mi ne rajtis publikigi tiun « privatan » dokumenton, ne estas serioza. La C. O. petas monon de la Esperantistaro : tiu lasta rajtas do esti informata pri la financa situacio de la C. O. kaj ĉar tiu institucio obstinas ĝin ne montri, estas la devo de ĉiu Esperantisto individue ĝin serĉi kaj konigi. Kontraŭ la pretendo pri konfidencieco de tiuj dokumentoj mi kuraĝas aserti, ke la C. O. ne rajtas kaŝi tiajn ciferojn, sen kiuj estas tute neeble havi ian klaran opinion pri la organiza demando. Oni aliparte rimarkos, ke kiam la C. O. bezonas monon, ĝi estas « oficiala », sed kiam oni volas esplori ĝian financan situacion, ĝi refariĝas « privata » ; tio estas vere oportuna.

4o La frazo « vi ne memorigas, ke mi proponis peti de la Esperantistoj nur la sumojn elspezotajn por la partoj, kiujn ili trovos vere necesaj » plene konfirmas, kion mi diris : Aŭ la C. O. estos la organo de la Esperantistaro kaj devas vivi per tiu lasta, kiu rajtos ĝin kontroli, aŭ ĝi ĉiam estos en la dependeco de unu aŭ kelkaj personoj. Cetere, la divido inter « partoj necesaj » pagotaj de la Esperantistoj kaj « partoj... ne necesaj » pagotaj de privatuloj promesas al ni novajn konfuzojn.

5o Pri la sumo difinita por la Lingva Komitato mi citis la ciferojn, kiuj estas en la dokumentoj de la C. O. (vidu sube). Se ĝia librotenado estas tiel farita, ke la elspezoj rilataj al la L. K. estas ĉie krom sub rubriko « Lingva Komitato », tio ne estas mia kulpo. La C. O. eldonu klarajn dokumentojn !

6o Mi tute ne kritikis nur la decidojn alprenitajn de la Administra Konsilantaro, sed ankaŭ la malkorektan manieron, laŭ kiu estis prezentita la organiza demando ĉe la Sepa Kongreso.

7o Mi ne kulpigis G-lon Sébert, ke la Subkomisio pri organizo ne raportis en la fiksita tempolimo. Mi nur pasante konstatis, ke ĝi ne raportis — fakto neniel kontestebla.

8o Mi riproĉas la C. O., ke ĝi *daŭrigas* la nekorektan taktikon komencitan en Antverpeno, t. e, fari la organizon, ne dirante ĝin. Tion mi jam montris dum kaj post la Kongreso.

9o La Kongreso ne akceptis la principon de kotizaĵo per granda plimulto, sed per malgranda plimulto meze de la plej granda konfuzo, kaj en la cirkonstancoj mem, kiujn mi memorigis en la artikolo tie aludata. Plie, la Kongreso tute ne voĉdonis duoblan kotizaĵon kaj alprenis nenian decidon pri abono al « Oficiala Gazeto ».

Senutile estas plie insisti pri la letero de G-lo Sébert. Ni citis ciferojn, faktojn, argumentojn ; nia korespondanto silentas pri ili kaj erare kredigas, ke ni atakas lin persone, kio estas nek mia intenco, nek mia kutimo. La organizan demandon ni traktis pozitive kaj praktike. Ni ne uzis teoriajn argumentojn, sed ciferojn, kiujn ni ĉerpis el la dokumentoj de la C. O. Tiuj dokumentoj, multe pli ol ni mem, pruvis, ke la hibrida organizo, kiun oni penas trudi al ni, solvas praktike absolute nenion. Mi komprenas, ke iuj ne favore konsideras tiun demonstracion, sed, diris la verkisto, « ne riproĉu spegulon, se ĝi montras nigrulon »...

H. Hodler.

* * *

**Resuma Tabelo de la monspezoj ĉiujare faritaj por la funkciado de la Esperantista Centra Oficejo ĝis la 31-a de decembro 1910.**

Enspezoj

| Jaroj | SUMOJ PRI ĝenerala funkciado | kongresa kaso | Tutoj |
|---|---|---|---|
| 1905 | 5.104 » | » | 5.104 » |
| 1906 | 54.428 50 | 4.204 » | 58.642 50 |
| 1907 | 24.555 95 | 25.256 » | 49.811 95 |
| 1908 | 2.182 35 | 29.818 49 | 32.000 84 |
| 1909 | 13.915 50 | 17.927 90 | 31.843 40 |
| 1910 | 19.201 55 | 1.604 70 | 20.806 25 |
| Sumoj | 119.387 85 | 78.821 09 | 198.208 94 |

Elspezoj

| Jaroj | ĝenerala funkciado | kongresa kaso | Tutoj |
|---|---|---|---|
| 1905 | 957 05 | 90 » | 1.047 05 |
| 1906 | 11.542 50 | 9.462 55 | 21.005 05 |
| 1907 | 28.002 80 | 24.555 95 | 52.553 75 |
| 1908 | 23.363 70 | 29.413 18 | 52.776 88 |
| 1909 | 22.747 40 | 12.788 85 | 35.536 25 |
| 1910 | 28.709 25 | 5.799 50 | 34.508 85 |
| Sumoj | 115.322 80 | 82.110 03 | 197.432 83 |

Bilancoj je la 31-a., de decembro 1910

| | ĝenerala funkciado | kongresa kaso | Tutoj |
|---|---|---|---|
| Enspezoj | 119.387 85 | 78.821 09 | 198.208 94 |
| Elspezoj | 115.324 80 | 82.110 03 | 197.432 83 |
| | 4.065 05 | 3.288 04 | 776 11 |

Noto. — La tutaj elspezoj entenas la sumojn, kiuj trapasis la kongresan kason, sed oni enskribis ilin aparte (kolono 2-a) por eltiri el la tuto la aliajn sumojn aplikeblajn al la ĝenerala funkciado de la Oficejo.

Oni vidas, ke je la dato de la 31-a., de decembro 1910, aŭ je la komenco de la nuna jaro 1911, la sumo restanta al la kaso de la Centra Oficejo nur atingis 776 frankojn, kaj oni estas pruntedoninta al la kongresa kaso 3.286 95 frankojn, kiujn oni eble povas esperi retrovi iun tagon.

Dum tiu jaro, la Centra Oficejo povis ankoraŭ funkcii, ĉar ĝi ricevis kiel donacon aŭ kiel bonvolan kaj senprocentan pruntedonon la necesajn sumojn, kaj ĝi povas ankoraŭ ricevi ilin dum kelka tempo. Sed oni devas diri, ke la supremontritaj kontoj ne prezentas la tutajn kalkulojn, kiujn oni devas konsideri, se oni volas precize ekscii ĉion kion donacis la kondukantoj de la Centra Oficejo por nia afero.

Efektive, krom la sumoj kiuj trapasis la kason de la Centra Oficejo per specialaj kontoj de banka oficejo, oni devus ankoraŭ aldoni kelkajn sumojn, kiujn oni enskribis nur, kiel memorajon, en privata kaso. Tiu kaso pagis tiamaniere stipendiojn por utilaj vojaĝoj al niaj kongresoj, aŭ eĉ helpojn al kelkaj privataj esperantistaj entreprenoj.

* * *

II. — **Ĉefaj elspezoj de ĝenerala funkciado grupigitaj laŭ speco**

Specoj de elspezoj

| Jaroj | Salajroj | Hejmaferoj (1) | ĝenerala propagando | arkivoj biblioteko | magazeno vendejo | Lingva komitato (2) |
|---|---|---|---|---|---|---|
| 1905 | 478 » | 431 65 | 23 15 | 23 25 | » | » |
| 1906 | 2.384 80 | 2.384 80 | 1.397 80 | 271 65 | » | 278 90 |
| 1907 | 3.582 25 | 3.582 25 | 9.764 30 | 10.360 70 | 3.162 20 | 322 70 |
| 1908 | 3.819 85 | 3·819 85 | 1.222 20 | 1.468 » | 4.555 20 | 1.540 35 |
| 1909 | 5.185 15 | 5.485 15 | 4.108 80 | 81 50 | 1.204 35 | 775 25 |
| 1910 | 5.029 05 | 5.029 05 | 6.846 35 | 90 05 | 4.108 55 | 260 » |
| Sumoj | 38.122 05 | 22.412 75 | 16.567 50 | 12.295 05 | 13.030 30 | 3.147 40 |

(1) Luprezo de la ĉambroj, oficejaj materialoj, hejtigo, lumigo. k. t. p.

(2) Tiuj elzpezoj rilatas nur al kopioj kaj presadoj, kaj ne entenas salajrojn de oficistoj, kiuj estas grupigitaj en la unua kolono.

(3) Tiu sumo entenas specialan sumon de 10.000 frankoj, donacitan speciale por bibliografiaj laboroj.

# SOCIA VIVO

GEOGRAFIO

## La Indiana demando

Mi kun granda intereso legis en *Esperanto* la serian artikolon pri « La Indiano de Nord-Ameriko ». La artikolo estis originale verkita de D-ro Ch. A. Eastman, kiu estas mem indiano, kaj ĝi estis interesa al mi ĉefe pro tio, ke mi naskiĝis en pionira familio, kaj dum mia knabeco loĝis en la pionira regiono de Usono. Kvankam D-ro Eastman mem devenis el gento de la Amerikaj Indianoj kaj devus scii pri kio li parolas, kaj sendube parolas la veron en ĉiuj aferoj, kiujn li pritraktas, la artikolo mem faras eraran impreson, kaj enhavas erarojn.

Unue li malprave uzas la esprimon « amerika indiano » en la ununombro, kvazaŭ estus nur unu speco de tiu individuo. Oni povus ĝuste tiel bone uzi la esprimon « Eŭropano » kaj priskribi turkon aŭ irlandanon kiel tipon de la tuta loĝantaro de la kontinento Eŭropo. Fakto estas, ke la enlanduloj de Norda Ameriko estis dividataj laŭ almenaŭ kvar, kaj eble kvin, ses, aŭ sep ĝeneralaj grandaj grupoj. Ĉiu grupo estis disdividata en multe da gentoj.

El la artikolo de D-ro Eastman mi konjektas, ke li devenis el, kaj ĉiam loĝis inter la gentoj de la orienta parto de Usono, kaj neniam vidis, nek loĝis inter la indianojn de la okcidenta parto de la lando. Pri la indianoj de la orienta parto de Usono mi ne havis personan sperton. Pri ili mi nur scias tiom, kiom oni povas elĉerpi el libroj. El la aŭtoritata historio de la unuaj tagoj de la lando oni akiras malsaman impreson ol estus akirata el la artikolo de la estimata doktoro. Kvankam ĉio, kion li diras estas la vero, li nepre ellasis kelkajn fazojn de la temo, kiuj iom ŝanĝus la relativajn aspektojn de la afero.

Kompreneble, pro tio ke la doktoro estas mem indiano, li vidus la aferon de la vidpunkto de tiu raso, kaj, kiam li parolas pri sia propra popolo antaŭ popolo de alia lando, li altiras la atenton de la aŭdantaro nur al tiuj punktoj la plej agrablaj al liaj propraj okuloj.

Por eĉ duonkompreni la aferon oni devas almenaŭ ekrigardi la historion de la lando rilate al la indianaj praloĝantoj. Kelkaj aŭtoritatuloj konstatas, ke la kontinento estis unue eltrovata ĉirkaŭ la deka jarcento de iu « Eric la Ruĝa », sed se tio vere okazis, estas certe ke lia popolo ne tenis la eltrovon kaj baldaŭ forgesis ĝin. La reala historio de la lando komenciĝis kun la eltrovo de Kristoforo Kolumbo kaj la posta alveno de kelkaj enmigrantoj. Je la alveno de la unuaj enmigrantoj mi opinias ke estis en la tuta areo de la regiono nun nomita Usono ĉirkaŭ duonmiliono da indianoj. Sed efektive neniu scias ĝuste, aŭ eĉ proksimume, la nombron. Iuj aŭtoritatuloj asertas, ke estis ĉirkaŭ tri milionoj, kaj aliaj tiel forte asertas, ke estis ne pli ol tri cent mil. La tuta indiana loĝantaro estis apartigita laŭ tridek ĝis kvardek grandaj gentoj, kaj preskaŭ ĉiu gento estis mem apartigita en kelkaj grupoj. Ĉiu granda gento havis sian propran lingvon, kaj ĉiu lingvo tute malsimilas ĉiujn aliajn. Eĉ en la diversaj grupoj de la gento mem la anoj de unu grupo ofte tre malfacile, aŭ eĉ tute ne, komprenis la anojn de alia grupo. Efektive estis en la tuta lando ĉirkaŭ tri cent apartaj lingvoj.

Krom la dirita apartigo laŭ gentoj kaj grupoj estis alia apartigo pri kiu mi intencas paroli kaj pri kiu, mi opinias ke D-ro Eastman eraris kiam li pritraktis la indianojn de Nord-Ameriko kvazaŭ ili ĉiuj havus la samajn karakterizojn. Por klarigi mian punkton mi denove disdividos la indianojn de Usono laŭ kvin apartaj klasoj; la indianojn de Alasko, Meksiklando, kaj Centra Ameriko mi ne diskutos, ĉar pri ili mi ne multe scias.

Se la leganto rigardas landkarton li rimarkos, ke en la meza parto de Usono fluas, norde suden, granda rivero, la Mississippi. La regiono inter la Atlantika marbordo kaj tiu ĉi rivero estis en tiu tempo plej parte dense kovrita de arbaro. La indiĝenan loĝantaron de tiu ĉi regiono oni povus dividi laŭ du klasoj, la militema kaj la pacema. La militema loĝis plej parte en la norda parto de tiu ĉi regiono kaj la pacema en la sudorienta. La militemaj indianoj de nordorienta Usono estis la fonto el kiu Fenimore Cooper kaj Mayne Reid elĉerpis la materialojn por siaj famaj noveloj. La verkoj de tiuj du aŭtoroj estas konataj en ĉiuj landoj, kaj preskaŭ ĉiuj rekonas la amerikan indianon laŭ la karaktero donita al ili de la antaŭnomitaj aŭtoroj. Sed, bedaŭrinde, nek unu nek la alia el la aŭtoroj bone konis la indianon, nek sciis lian karakteron; ili donis al la indiĝenoj heroajn karakterojn kiujn ili ne meritis. La indianoj de Nord-Ameriko estis nur sovaĝuloj, kaj ili havis la karakterizojn komunajn al ĉiuj sovaĝuloj, kie ajn oni ilin trovas. Sed la sovaĝaj indianoj de tiu ĉi regiono jam de longe malaperis, kaj tie oni nun trovas nur indianojn civilizitajn same kiel iliaj blankaj najbaroj. Tre malmultaj personoj nun vivas en tiu regiono, kiuj memoras la indianojn kiel sovaĝulojn. Mi opinias, ke D-ro Eastman mem neniam vidis sovaĝajn indianojn, aŭ, se li ja tion faris, li multon forgesis. Li forgesas la teruran kruelecon kaj la treegan malpurecon. Mi neniam vidis sovaĝan indianon, kiu sin banis escepte se li okaze falis en riveron. Sed, same kiel ĉiuj indiĝenoj, la indianoj havis bonajn trajtojn kaj tiujn ĉi D-ro Eastman plene rakontas. Ke ili estas bravaj, estas vero, sed kiam ili militas iliaj agoj estis abomenindaj. Ili ne nur mortigis sed buĉis kaj turmentis virinojn kaj infanojn, escepte kiam la infano estis tiel juna ke ĝi baldaŭ forgesus siajn proprajn gepatrojn kaj popolon, kaj ankaŭ se ĝi havis sufiĉan aĝon por ke ĝi ne fariĝu peza ŝarĝo al la indianoj. Eĉ tiam ili ne alprenis ĝin kiel plenan anon de la gento, sed kiel kaptiton kaj en stato

III. — Specialaj kontoj de *Oficiala Gazeto*

| | Enspezoj | Elspezoj | Deficito |
|---|---|---|---|
| 1-a. jaro | 725 25 | 3.493 30 | 2.768 05 |
| 2-a. jaro | 1.583 45 | 5.636 35 | 4 052 90 |
| 3-a. jaro | 1.551 05 | 5.021 90 | 3.470 85 |
| Sumoj | 3.559 75 | 14.151 55 | 10.294 30 |

∴

La supraj informoj estas represitaj el cirkulero sendita de la C. O., la 6-an de novembro 1911.

La monsumoj estas esprimataj per frankoj.

La enspezoj de la C. O., estas ĉerpataj precipe el donacoj. Alia raporto informas nin, ke ĉar la plimulto el la kutimaj donacintoj deziris resti anonimaj, oni montris nur per literoj, eltiritaj el konfidencia listo, la diversajn donacintojn. Laŭ tio A donacis 52.600 fr. B 61.100 fr. (el kiuj 10.000 por bibliografiaj laboroj), C 3.000 fr., D 1.000 fr., E 3.000 fr., diversaj 1.554 fr. 80

El tiuj ciferoj la leganto mem povos vidi : 1· ĉu la ciferoj, kiujn ni citis en nia artikolo, estas ĝustaj : 2· ĉu niaj konkludoj kaj kalkuloj estis pravigataj ; 3· ĉu la kotizajo da 10 centimoj po persono, kiun postulas la C. O., iel solvos la problemon (eĉ supozante, ke 20.000 pagos) ; 4· ĉu la utileco de la laboroj plenumitaj de la C. O., estas proporcia je la alteco de la elspezitaj sumoj ; 5· ĉu la jara deficito de la *Oficiala Gazeto* instigas al la daŭrigo de tiu entrepreno ; 6· ĉu ne estus pli bone, ke ni konu tiajn ciferojn antaŭ ol voĉdoni pri kotizajo ?

H. H.

de duonsklaveco. La indianoj de tiu ĉi regiono ne havis ĉevalojn kaj ĉiam piedmarŝis aŭ uzis boatojn.

Denove rigardu landkarton de Usono, kaj okcidente de la Mississippi rivero, inter tiu rivero kaj la Roka Montaro, vi vidos grandan teritorion, kaj okcidente de la Roka Montaro, inter tiu kaj la montaro laŭlonge de la Pacifika marbordo, alian grandan regionon. Tiuj estas praktike du regionoj sed, pro tio ke la karakterizoj de la indianoj de la norda parto de la pli okcidenta estis tiel similaj al tiuj de la meza regiono mi pritraktos ilin kvazaŭ ili estus unu popolo. Kvankam, efektive, ili estis dividataj laŭ kelkaj grandaj gentoj, kaj ĉiu gento mem laŭ kelkaj grupoj. En tiu regiono mi naskiĝis kaj preskaŭ maturiĝis; poste mi transloĝiĝis en alian regionon, kies indianojn mi pritraktos poste.

Tiuj ĉi indianoj estis ĉevalrajdistoj, kaj ĉevaloj estis ilia ĉefa kaj plej valora havaĵo. Oni diras, ke ĉevaloj estis unue enkondukataj en Nord-Amerikon de la unuaj hispanaj esplorantoj, kaj ke la ĉevaloj de la indianoj ĉiuj devenis el tiuj de la hispanoj. Kredeble tio estas la vero, sed kiam la blankuloj unue eniris tiun ĉi regionon ili trovis tiom da ĉevaloj kaj la ĉevaloj estis tiel grava parto de la indiana vivo, ke estas tre malfacile konjekti ilin sen la ĉevaloj. Tiu ĉi regiono estis senarba krom laŭlonge de la riveroj kaj en la montaroj. Ĝi estis la hejmo de la famkonata Amerika bubalo, kiu tie ĉi troviĝis po milionoj, kaj provizis la plej multan manĝaĵon por la primitiva loĝantaro.

(*Daŭrigota.*) F.-P. Zent (Del. Anacortes, Wash.).

## El la kolonioj en Parana (Brazilujo)

Kredeble oni scias, ke la federala registaro en Rio-de-Janeiro ne ĉesigis sian koloniigan agadon. Male, zorgante pri la enmigrantoj, ĝi pagas kostojn de ilia transveturigo tra la oceanon, akceptas ilin en barakojn, lukse aranĝitajn sur Insulo de Floroj en la golfo de Rio-de-Janeiro (betonaj plankoj, glazurbrikaj muroj, risortaj matracoj, duŝbanejoj, vaporlavejo por tolajoj, ktp.); de tie ĝi je sia propra kosto transportas, nutrante dum la vojaĝo, la enmigrantojn kun ĉiuj iliaj pakajoj ĝis elektitaj lokoj. Fine, ĝi loĝigas familiojn de terkulturistoj sur terpecoj, ordinare havantaj jam konstruitajn dometojn.

Duona parto de l'enmigrantoj estas poloj kaj rutenoj. Estas ankaŭ neslavoj : malgraŭ senĉesa malprospero oni ĉi tie ne lasis ankoraŭ la esperon krei el germanoj, Nederlandoj kaj svisoj koloniojn de pli alta kultura grado; ili do alvenas, sed nur, por, post iom da tempo, ree formigri malbenante Paranon per ĉiuj manieroj. Protektante ĉi tiujn maldankemulojn, la koloniiga komitato destinis por ili koloniojn kun pli bonaj komunikajoj kaj pli bona espero pri estonteco, nome : *Alfonso Penna* apud Kuditibo *Iraty* apud fervoja stacio de la sama nomo: slavojn, kiujn oni ordinare nomas poloj, oni loĝigis en kolonioj *Ivahy* (antaŭe *Migual Calmon*) kaj *Vera Guarany* (antaŭe *Candido de Abreu*).

La aŭtoro de ĉi tiu artikolo, travivinte preskaŭ unu jaron kiel koloniisto en kolonio *Vera Guarany*, vizitis laŭvice ekzistantajn kaj aranĝatajn koloniojn *Ivahy*, *Iraty* kaj la grundon de projektata plej nova kolonio *Cruz Machado* proksime de la fervoja stacio *Marechal Mallet*. Severa vivmaniero de la koloniisto, propramana laborado kaj eltenado de ĉiuj neeviteblaj penegoj kaj suferoj ebligis al li, por la taksado de renkontataj fenomenoj, ekstari sur vidpunkto malsama, ol tiuj de aliaj korespondantoj, ĉar la suprecititaj kondiĉoj plifaciligis al li ne kredi allogajn ŝajnojn, sed penetri ĝis la esenco de l'aferoj.

Kolonio *Vera Guarany* kuŝas apud rivero *Iguassu*, inter ĝiaj alfluantoj *Rio Claro* kaj *Santa Anna*. La unua estas la limo inter malnova kolonio de la sama nomo kaj *Vera Guarany*, la dua limigas *Vera Guarany* de l'tero privata *Chapeo de Sol*. Trans *Iguassu* etendiĝas grundo de nefiksita propreco antaŭ nelonge aneksita al la ŝtato *Santa Catherina*. Per unu el siaj randoj la kolonio atingas fervojstacion *Paulo Fontin* de la linio *Sao Paulo-Rio Grande*. La agado de la koloniiga komitato, komencita ĉi tie en 1908, proksimiĝas nun al la fino. Oni loĝigis ĉi tie pli ol 600 familiojn kaj restis por disdono malmulte da terpecoj. La plimulto de la vojoj kaj pontoj estas preta kaj dum la nuna jaro aŭ en la komenco de la sekvonta la kolonio estos emancipita, t. e. la administrantaro de la federala registaro estos nuligita. La kolonio enhavas du urbetojn, el kiuj unu, kuŝanta je unu mejlo (geografia) de la stacio *Paulo Fontin*, estas sidejo de la kolonia oficejo. Oni konstruis ĉi tie du preĝejojn : katolikan kaj rutenan, brazilian ŝtatan lernejon, gvidatan de instruisto pola, kaj dekkelke da *vend'oj* (drinkejoj). En ĉi tiu urbeto la kolonianoj, post sia alveno, atendas destinon de « lotoj » (terpecoj de 20 25 hektaroj) loĝante en nomataj de ili « budetoj », ĉiu familio aparte. La dua urbeto fondiĝas apud rivero *Iguassu* je tri mejloj de la unua, apud bona veturilvojo. Ĉi tie rapide disvolviĝas komercado, ĉar vaporŝipoj estas por transportado pli malkaraj ol vagonaroj. Loĝantoj, stratoj, preĝejoj, lernejo, poŝtoficejo, ĉio ekzistas dume en projekto. Al ĉi tiu nova kolonio oni aŭguras prosperan estontecon, ĉar ĝi posedas neordinare bonajn komunikajojn, kuŝas preskaŭ en la centro de l'polaj kolonioj kaj havas pli grandan parton de la « parana tritiko », *herva mate*.

La unua renkonto de la koloniisto kun la braziliaj leĝoj kaj oficistoj estas por li fonto de seniluziiĝo kaj malkonfido pri la taŭgeco de la regna zorgado, kaj fonto de supozoj, ke rilate al la enmigrantoj, oni ĉi tie gvidas sin pli per la tradicio de l'sklaveco ol per la altideaj devizoj de la juna respubliko. Ĉiu koloniisto rajtas laŭleĝe ricevadi provizaĵojn, valortantajn 500 rejsojn (0,56 Sm.) potage por ĉiu plenaĝa persono. Tiujn ĉi provizaĵojn li ŝuldas redoni per laboro : konstruado de vojoj, pontoj k. a. Plenumante ĉi tian laboron la koloniisto ricevas nek monon, nek kvitancon, sed kontan kajereton de unu el privilegiitaj *vend'oj* (drinkejoj). Ĉi tio estas kaŭzo de malbonuzado kaj maljustaĵoj, ĉar la *vend*-mastro ŝatas ne sian klientaron, sed la estraron, de kiu li ricevis la koncesion. Okazadas ekzemple, ke en la *vendo*, kie la koloniisto estas devigata aĉetadi komercaĵojn, mankas faruno, aŭ salo, aŭ ia alia bezonata produktaĵo, oni do kompletigas la sumon kiun rajtas la koloniisto, per brando, kalikoto aŭ alia objekto senbezona sed pli multe profitdona al la *vend*-mastro. Kiel efikas tia sistemo, pruvas la kaŭzita de ĝi ribelo de ĉi-tieaj koloniistoj kiujn oni kvietigis per armbatalo, kaj ĉi tio okazis en la kolonio dum vere humana administrado de popolara samnaciano.

La koloniistoj rajtas ricevadi nutroprovizaĵojn ĝis la unua propra rikolto, t, e., tra daŭro de duonjaro, tamen ordinare ĉi tiu tempo estas plilongigata. Krom la nutraĵoj oni donas ankaŭ terkulturajn ilojn, kelke da kuirvazoj kaj semojn ofte netaŭgajn.

(*Daŭrigota*) Trad. F. Chrostowski, (*Subdel. Novominsk*).

## Impresoj el Galicio

Por taŭge prepari vojaĝon, ne sufiĉas studi horlibron de l'fervojoj kaj gvidlibron de Joanne aŭ Baedeker. Oni devas legi personajn rakontojn, proprajn impresojn de vojaĝintoj. La Esperanta gvidlibro « Krakov » ja estas modelo por gvidlibroj ; sed ĝin verkis Polaj Samideanoj, kiuj ĉiutage vidadas sian urbon, kaj ne plene sentas ĝian kuriozecon. Mi do aĉetis kelkajn librojn temantajn pri vojaĝoj en Aŭstrio. La plej interesa, laŭ mi, estas tiu de S-ro Marge, titolita : « Vojaĝo per aŭtomobilo en pitoreska Hungarujo (1) ». Antaŭ tri jaroj, Pierre Marge, fama industriisto en Lyon, dum pluraj

(1) Pierre Marge. — Voyage en automobile dans la Hongrie pittoresque, librairie Plon, 3 fr. 50 (1 Sm. 40). Mendebla ĉe la Esp.-Oficejo, 36, rue Victor-Hugo, Lyon.

monatoj aŭtomobile vojaĝis tra la tuta Imperio de Franz-Josef kun S-ro Herriot, afabla urbestro de Lyon. Revenințe li verkis tre agrablajn memoraĵojn, kiujn ni varme rekomendas al la atento de l'Francaj Gesamideanoj.

Estu al mi permesite persone danki S-ron Marge pro lia afabla akcepto, pro liaj valoraj konsiloj kaj pro la fakto, ke li permesis al mi traduki pecojn de lia libro.

Nia vojo laŭiras la Prusan landlimon. Rajsko estas mizera vilaĝo, kies tegmentoj el verdiĝinta pajlo kaŝiĝas sub marĉaj arboj, salikoj, poploj, alnoj. La domoj estas malloge malpuraj, iliaj muroj el kunpremita tero estas nigraj kaj fendiĝintaj; ili estas malaltaj, kaj tiel malaltaj estas iliaj pordoj, ke oni devas sin klini por eniri. Malbonodora kaj fluida ŝlimo, almenaŭ dudek centimetrojn dika, sursternas la vojon kaj la stratojn de l'vilaĝo; ĝi enpenetras kiel superakvo la malriĉajn domojn tra la pordo! La loĝantoj estas tiel mizeraj, kiel iliaj loĝejoj, ili estas malpuraj pli ol esprimeble, vestitaj per eluzitaj ĉifonaĵoj, kun sufera mieno.

Fine, jen urbo! Oswiecim. Malpura urbo, preskaŭ tute loĝata de Hebreoj. Ha! vere strange! Ĉiuj loĝantoj ŝajnas vestitaj per uniformo : la antikva juda kostumo apenaŭ de l'tempo ŝanĝita. Tre malmulte da virinoj sur la stratoj. Ĉiuj viroj surhavas grandan nigran kitelon kun alta kolumo, altforman cilindran ĉapelon, larĝan pantalonon kaj botojn. Tiuj vestoj, ĉiuj similaj, produktas vere strangan aspekton. Sed io estas eĉ pli stranga : iliaj haroj, iliaj longaj nigraj, blondaj aŭ flavruĝaj haroj, kiuj malsuprenrampas sur la kolumo, kaj la du helicformaj bukloj, zorge frizitaj kaj ŝmiritaj, kiuj falas de iliaj tempioj, antaŭ la oreloj, kiuj falas sur iliajn vangojn, kelkfoje ĝis sur la ŝultroj.

Tiu hebrea loĝantaro estas mizera kaj malpura. Tiu uniformo estus nur kurioza, se ĝi estus pura! Ĝi plie estas forpela pro malpureco. Oni imagu tiujn nigrajn kitelojn, kiujn vetero verdigis, kiujn eluzo poluris, kiujn graso emajlumis, tiujn malpurajn harojn kaj tiujn grasaĉajn buklojn, kiuj senĉese frotadas kolumojn kaj vestojn, tiujn altformajn ĉapelojn, kies tuta lanugo krispiĝas malespere, tiel krispiĝas, ke fine ĝi loke defalas, tiujn defluantajn barbojn, kiuj briligas per daŭra frotado la butonojn de l'kiteloj! Kaj tiujn vizaĝojn, kaj tiujn manojn, kiuj per sia aspekto certigas sian abomenon kontraŭ akvo! Tiuj malfeliĉuloj ŝajnas plezurhavi en stato, kiu certe estas la supera grado de malpuregeco.

Transe, la lando estas ĉiam tiel malĝoja, la vojo tiel malbona, la loĝantoj tiel mizeraj. Se la Judoj en Oswiecim ŝajnas esti atingintaj la lastajn limojn de l'malpureco, la kamparaj Poloj ŝajnas reprezenti la mizeron entute. Ĉiuj estas malfortikaj, malbonfartaj, suferantaj : viroj, virinoj, infanoj, eĉ bestoj. La brutaro, kiu paŝtiĝas sur la kampoj, estas malaltkreska; bovoj, ŝafoj, kaprinoj kaj hundoj estas terure malgrasaj.

En Skawina, ni estas nur je kelkaj kilometroj for de Krakow. Tiam ŝanĝiĝas la aspekto de l'pejzaĝo : ĝi fariĝas malebena kaj arbarhava; ĝi perdas sian mizeran aspekton; la vojo fariĝas iom malpli malbona.

La cirkulado fariĝas iom pli aktiva, ni renkontas multajn kamparanojn, kiuj venas el la granda urbo : la viroj peze iradas pro la dikaj botoj, kiuj ilin ŝirmas kontraŭ la koto; la virinoj nezorge marŝas, iliaj piedoj nudaj en la fluida ŝlimo. Oni malĝoje vidas tiujn malgrasajn vizaĝojn postsignitajn de sufero kaj seneco. La Germanoj nomas tiun parton de l'Poloj, kiuj vivas en la Wisla'aj marĉoj, « Wasserpollaken » (Esp. : akvaj Polacoj; f. : Polaques d'eau).

Noktiĝis, kiam ni atingis Krakow'on.

Fortikaĵoj, ĉirkaŭremparoj kun fenestretoj, festonkronita pordego montras, ke oni estas enironta defendatan urbon.

Oni trairas Podgorze, antaŭurbon lokitan sur la dekstra bordo de Wisla (g. : Weichsel; f. : Vistule); oni transiras la riveregon sur la ponto Franz Josef, kaj oni estas en Krakov.

* *

Krakou (elp. : Krakuvo), kiun la Francoj nomas Cracovie, kaj la Germanoj Krakau, estas tute aparta urbo, tute malsama de la aliaj Eŭropaj urboj, kaj sekve treege kurioza. La Francoj malmulte iras al Krakow, tre malgranda nombro da ili ĝin vidis; tiuj el niaj samlandanoj, kiuj iras en Aŭstrion, vizitas precipe Wien kaj Budapest, ambaŭ admirindajn urbojn sed modernajn kiel niaj francaj urboj, kaj preterlasas la malnovan ĉefurbon de Pollando, kiu ilin multe pli interesus.

Ĝi konservis kune sian polan karakteron kaj sian malnovan aspekton. La jarcentoj pasis, Pollando ne plu ekzistas, Krakow tamen restadis la urbo, urbo de bravaj reĝoj, kaj de landsinjoroj silkvestitaj aŭ ŝtal- kaj or-kirasitaj.

Ĝi konservis sian propran aspekton ne nur pro la ŝtonoj de siaj monumentoj. Parto de ĝia loĝantaro la Hebreoj, trairas ankoraŭ ĝiajn stratojn kun la moroj, la kutimoj, la vestoj, kiujn ĝi havis prae.

Ĝiaj loĝantoj konservis tuta sian patriotismon. Premitaj de la Aŭstria superrego, ili neniel forgesis, ke ili estis liberaj, ke ili iam estis granda nacio. Ilia neŝanceliĝebla fervoro al sia lingvo, al siaj kutimoj, al siaj gloruloj estas pruvoj, ke ili nun ankoraŭ esperas. Malnova pola proverbo diras : « Se Roma ne estus Roma, Krakov ĝi estus ». Apartigante la nacian trograndigon, oni devas konsenti, ke Krakow estis unu el la plej belaj civitoj en Mezepoko; ĝi ankaŭ estis unu el la urboj, kiuj posedis plej multe da preĝejoj.

Krakow estis restadejo de la reĝoj de Pollando depost 1320; ĝi estis ĉefurbo de l'reĝlando, sankta urbo, urbo de kronado. En 1610, Sigismundo III reganta, ĝi ĉesis okupi la rangon de ĉefurbo sekve de translokiĝo de l'reĝa restadejo en Warszawa'n, sed ĝi restis ĝis la fino de la polregno urbo de kronado kaj nekropolo de la reĝoj.

Kun permeso de la aŭtoro, S-ro Marge trad. L. Poncet (Konsulo, Lyon).

IDEOJ & FAKTOJ

## La aplikoj de la senfadena telegrafado

En malmulte da tempo la senfadena telegrafado plenumis tiom da mirindaĵoj, ke la homa imago ne plu scius fiksi limojn al ĝiaj faroj.

De 1858, Fessenden, profesoro de fiziko, la unua konstatis, ke elektra fajrero ŝprucanta el Leyda botelo naskas oscilojn ĝis tiam nekonitajn. Tridek jarojn poste, Hertz, ripetante tiujn eksperimentojn, irigis tiujn oscilojn tra la spaco, kaj, post kelka tempo, Branly trovis la radio-kondukan tubon, kiu ebligis al Lodge montri la unuajn aplikojn de la Hertz'aj ondoj. Poste venis la inĝeniero Popoff, kiu konstruis kompletan ricev-postenon kaj Marconi, kies genio, kunigante la eltrovaĵojn de Hertz kaj de Branly, eltrovis la novan telekomunikilon, kiu estas unu el la plej mirindaj aplikoj de l'elektro.

La gloro de Marconi konsistis precipe el tio, ke li rapide komprenis, ke la senfadena telegrafado fariĝos potenca ilo de civilizo tiam, kiam la homa penso povos esti transportata tra la oceanoj kaj la kontinentoj, je miloj da kilometroj. Liaj unuaj eksperimentoj fariĝis inter Dover kaj Boulogne, poste inter Calvi kaj Antibes, kaj je 1902, post kelkaj jaroj de esploroj kaj laboregoj, li devigis la misterajn ondojn transportiĝi de unu al la alia bordo de l'Atlantiko.

De tiam, grandegaj progresoj estis farataj : la vagemaj ondoj estis dresataj, kvankam la venko de la homa genio super ili ne estas vere plena kaj definitiva. La senfadena telegrafado, tion oni devas konstati, ankoraŭ renkontas en la

atmosfera elektro malamikon tiom pli malfacile neniigeblan, ke ĝi havas la saman naturon kiel la produktanto de la ondoj; la subitaj temperaturŝanĝoj, la sunradioj, la terreliefo, kelkaj fenomenoj malbone konataj, estas kaŭzoj de malfortiĝo de la elektraj ondoj kaj de konfuzigo en ilia uzado. Ofte okazas, ke posteno kapabla komuniki je 1300 aŭ 2000 kilometroj nokte povas dum la tago komuniki nur je 700 aŭ 800 kilometroj, kaj la telegrafistoj devas esti ja tre lertaj por distingi la parazitajn signalojn kiuj dum interkomuniko enŝoviĝis pro malproksimaj fulmotondroj — signaloj, kiuj igas la ricevitan komunikajon netradukebla.

Malgraŭ tio la progresoj realigitaj estas tiaj, ke jam de pluraj jaroj la senfadena telegrafado fariĝis praktika aplikaĵo. Dank'al ĝi la vojaĝantoj trapasantaj la oceanojn ĉesas esti perdataj meze de la marspacoj, sen komuniko kun la resto de l'universo; dank'al ĝi, la aferistoj — tiuj teruraj *business men* — kiujn oni tiel multajn renkontas sur la ferdekoj de la transatlantikaj ŝipoj, povas resti en konstanta interrilato kun la tero; dank'al ĝi, la sendanĝereco de miloj da homoj estas gardata, kaj per ĝi ankaŭ la ŝipoj povas koni sian ekzaktan pozicion sur la alteriĝoj dum la plej malhelaj veteroj, eĉ se la tero estas tute nevidebla. La senfadena telegrafado tutmonde transdonas la horon per la Eifeltura posteno, tagmeze kaj noktomeze; dank'al tiu nesentebla vibrado de l'nepalpebla etero, la ŝipoj sur la maro povas determini sian longitudon kaj reguligi sian iradon kun absoluta precizeco. La senfadena telegrafado, fine, helpas la meteorologojn antaŭvidi la veteron kaj anonci la atmosferajn malaltiĝojn, kiuj kaŭzas la veterŝanĝon, ĉar la plimulto de la atmosferaj malordoj, kiuj influas la Eŭropan klimaton, efektive naskiĝas super la grandega surfaco de l'Norda Atlantika Oceano.

Tiom da servoj estas tamen nenio kompare kun la servoj, kiujn en la estonteco faros la Hertz'aj ondoj: la senfadena telefonado naskiĝas, la telemekaniko estas la temo de fervoraj studoj, kaj aliaj pli komplikaj problemoj priokupas la sciencistojn en la laboratorioj. Sed ŝajnis al ni interese de nun studi kun niaj legantoj la ĉiam pli multajn aplikojn de la senfadena telegrafio al la transport-industrioj.

Unue, kio estas posteno de senfadena telegrafado kaj kiel ĝi estas instalita? Tiun demandon ni penos respondi kiel eble plej koncize kaj klare.

Ĉiu posteno de senfadena telegrafado estas provizita per send- kaj ricevaparatoj; fonto de elektra energio (grupo elektrogena aŭ kapto de fluo ĉe publika sektoro) permesas produkti, en la sendaparatoj, oscilojn, kiuj transmetiĝas al anteno aŭ al izola aera fadeno. Tiu anteno aŭ tiu fadeno siavice produktas Hertz'ajn radiiĝojn, kiuj kiel la sonondoj, disvastiĝas al ĉiuj direktoj. Kiam tiuj ondoj en sia vojiro renkontas alian antenon kunligitan al ricevaparatoj, ili naskas en tiuj aparatoj oscilojn kunrespondajn al tiuj, kiuj ilin produktis. Estas facile kompreni, ke la signaloj de l'kodo Morse aŭ de ĉiu alia, kiuj kreiĝis ĉe la sendposteno en la formo de longaj aŭ mallongaj serioj de osciloj, povas esti akceptataj ĉe la ricevposteno, ĉu per aparato Morse, ĉu per simpla telefono nomata *sounder*.

Ju pli altaj estas la antenoj, des pli efikaj estas la ondoj; la antenoj de la tre potencaj stacioj de Poldhu kaj Cap Cod, konstruitaj je 1902 de Marconi, estas portataj de kvar pilonoj altaj 70 metrojn; la germana societo « Telefunken » konstruis en Nauen, apud Berlino, postenon, kun trafpovo da 2000 kilometroj, kies anteno, formata per grandega fosto de 200 metroj, estis antaŭ nelonge dejetita de ventego.

La stacio de la Pariza Eifelturo estas unika en la mondo: ĝia trafpovo superas 5000 kilometrojn, kaj la tricentmetra turo, kiun oni antaŭe volis malkonstrui pro estetiko, fariĝis senkompara antenportilo, kiu permesas al Francujo kovri (dum la tago) per ĝiaj ondoj tutan Eŭropon, la duonon de Afriko, parton de Azio ĝis la nordaj regionoj, la Atlantikon ĝis la Amerikaj bordoj kaj ĝis la Ekvatoro. Nokte, la tuta terglobo estas envolvata, kaj tiu mirindaĵo estas ŝuldata al la kreanta genio de Marconi, kunigata al la genio de Eifel, la nekomparebla inĝeniero.

Laŭlonge de la marbordoj de la kvin terpartoj, la diversaj societoj de senfadena telegrafado, kiuj formiĝis post 1902, kreis multajn postenojn de malsama trafpovo. Kelkaj servas por komuniki kun la ŝipoj sur la maro, je kelkaj centoj da kilometroj for de la tero, aliaj, speciale potencaj, konstante rilatigas Eŭropon kun Ameriko, landojn kun iliaj kolonioj, aŭ grandajn ĉefurbojn.

(*Daŭrigota*)

V. Soyer. Trad. A. R.

## NOTOJ

∴ *Bugra*. — En Leipzig, la ĉefurbo de la libroindustrio, okazos dum Majo-Oktobro 1914 la ekspozicio internacia por libroindustrio, grafiko kaj fotografado. Ĝi okazos en la plej granda utilo je la honoro de la 150-a datreveno de la ekzistado de la reĝa akademio por grafikaj artoj kaj libroindustrio. Tiu, certe laŭtempa, entrepreno estas favore subtenata de la germana imperio kaj de la saksa ŝtato; tiu lasta ĝin subtenas per la alta monhelpo de Sm. 100.000. Sama sumo estas garantiita de la urbo Leipzig mem. Krom tio la urbo senpage disponigis areon de 400.000 Km. Oni kreis garantian fondon kiu jam ankaŭ atingis la altan sumon de Sm. 100.000. La celo de la ekspozicio estas paca konkurso de la grafika arto kaj industrio inter ĉiuj kulturpopoloj. Ĝi montros la influon treege gravan je la ĝenerala popola klero; plue ĝi celos pruvi la altegan rangon kiun okupas la grafika arto kaj industrio en la vivo de la nacioj. La ĝis nun starigita ekspozicia plano enhavas la jenajn grupojn: Grafiko kaj libroarto, libroindustria instruado, Paperfabrikado, Kolorfabriko, Fotografado, Literfandejo, Tekniko de la reprodukto. Procedado, Librobindado, Muzikeldonado, la Gazetaro, Biblioteko, Instruiloj, Maŝinoj, Aparatoj kaj iloj. La higieno en fabrikoj kaj laborejoj kaj fine protektado de laboristoj kaj laborista bonstato, Ĉi tiuj grupoj memkompreneble estas apartigataj en diversaj klasoj.

Ĉiu grupo estas enkondukota per historia kaj teknika fakoj el kiuj rezultas instigo kaj helpado ankaŭ por la laiko. Laborejoj estos en plena funkciado. Modeloj kaj demonstraj aparatoj vekos la intereson de la fakulòj same kiel tiun de la granda publiko.

Per helpo de famaj fakuloj oni aranĝigos kiel aparte vidinda la grafikajn artojn same kiel la sciencajn kaj kulturajn interrilatojn de la libroindustrio. Precipe oni atentigos je la apartigoj de kulturhistorio kaj etnografio. Dum la ekspozicio okazos nature multaj diversaj kongresoj. Multnombraj informpetoj senĉese alvenantaj kaj proformaj aliĝoj montras la viglan intereson de la koncernaj fakoj. La germana imperia regado atentigos la alilandajn regnojn rekomendante je tiu ĉi grandioza entrepreno. Do la « Bugra » fariĝos faka ekspozicio en la plej bona senco de la vorto; ĝi estos fariĝo por la tuta libroindustria, arta kaj literatura mondo. Kia teritorio de spirita faro ne estas en iela interrilato kun la grafikaj artoj kaj industrioj? Jam nun oni povas pretendi ke la entrepreno en ĝi kaj ĝia vizito estas absoluta neceso por ĉiu kiu intencas pretendi sian lokon en la rilatanta fako. La oficejo de la « Bugra » troviĝas en la « Deutsche Buchgewerbehaus » en Leipzig (1). Ĝi estas preta informi plej detale ĉiujn interesemulojn. La germana libroindustria unuiĝo, kiu jam ofte helpis garantii sukceson de la hejmlanda industrio en la eksterlando, alproksimiĝas nun en la patrolando mem certe je la gravega demando kiun ĝi povas sin meti kaj kiu demando nur estas solvebla, se ĉiuj kunhelpos. —

B. Korz (Del., Leipzig).

(1) Se iu samideano skribos Esperante al la oficejo, li aldonu kie li legis la alvokon, citante samtempe la adreson de la Del., de Leipzig kiel tradukonton de la farata demando.

# ○ LITERATURA PAĜO ○

FELIETONO

## La Suferoj de juna Werther

de W. v. GŒTHE

Trad. P. USINGER

La 12-an de oktobro.

Ossian (1) elpuŝis Homeron el mia koro. Kia mondo, en kiun min kondukas la majesta! Migri tra la herbejo, ĉirkaŭsiblata de la ventego, kiu en vaporantaj nebuloj kondukas la spiritojn de la patroj en la lumo krepuskanta de la luno. Aŭdi de l'montaro, en la muĝado de l'monttorento duone forblovitan ĝemadon de la spiritoj el iliaj kavernoj, kaj la ploradon de l'knabino mortĝemanta pri la kvar muskkovritaj, de herboj superkreskitaj ŝtonoj de la noble falinto, ŝia amato. Se tiam mi trovas lin, la migrantan grizan bardon, kiu en la vastaj herbejoj serĉas la piedsignojn de siaj prapatroj kaj ne trovas iliajn tombŝtonojn kaj tiam ĝemante rigardas la karan astron de l'vespero, kiu kaŝas sin en la maro ruliĝanta, kaj la tempoj de l'estinto viviĝas en l'animo de l'heroo, kiam ankoraŭ lumis la afabla radio al la danĝeroj de la bravuloj kaj la lumo brilis al ilia girlandornamita, venke revenanta ŝipo. Kiam mi legas la profundan ĉagrenon sur lia frunto, vidas la lastan, forlasitan glorulon ŝancelantan tutlace al la tombo, kiel li ensorbas ĉiam novajn, dolore ardantajn ĝojojn en la senforta ĉeesto de l'ombroj de siaj mortintoj kaj rigardas al la malvarma tero, la alta moviĝanta herbo kaj ekkrias: La migranto venos, venos, kiu min konis en mia beleco, kaj demandas: kie estas la kantisto, brava filo de Fingal? Lia piedo iris super mian tombon kaj vane li demandas pri mi sur la tero. — Ho amiko, mi dezirus elingi la glavon same kiel nobla armportisto, liberigi mian princon de la mincanta turmento de la malrapide formortonta vivo kaj postsendi al la liberigita duone mian animon.

La 19-an de oktobro.

Ho, tiu ĉi malplenaĵo! tiu ĉi terura malplenaĵo, kiun mi sentas ĉi tie en mia brusto! — Mi pensas ofte, se vi nur unu fojon, nur unu fojon povus premi ŝin al tiu ĉi koro, tiu tuta malplenaĵo estus plenigita.

La 26-an de oktobro

Jes, mi fariĝas certa, karulo, certa kaj ĉiam pli certa, ke la ekzistado de kreaĵo estas malgrava, tute malgrava. Venis amikino al Ĥanjo kaj mi eniris la apudan ĉambron por preni libron, kaj ne povis legi kaj tiam mi prenis plumon por skribi. Mi aŭdis ilin mallaŭte parolantajn, ili rakontis unu al la alia negravaĵojn, novaĵojn de la urbo: ke tiu ĉi edziniĝas, ke tiu estas malsana, tre malsana. Ŝi havas sekan tuson, la ostoj elstaras el ŝia vizaĝo kaj ŝi ekhavis svenojn, mi ne donas krejceron por sia vivo, diris unu. La N. N. ankaŭ fartas tiel malbone, diris Ĥanjo. Li estas ŝvelinta, diris la alia. — Kaj mia viva fantazio translokigis min al la lito de tiuj ĉi mizeruloj; mi vidis kun kia malamo ili turnis la dorson al la vivo, ke ili — Wilelmo! kaj miaj virinetoj parolis pri ĝi, kiel oni kutimas paroli pri tio — ke mortas fremdulo. Kaj kiam mi ĉirkaŭrigardas kaj rigardas la ĉambron kaj ĉirkaŭ mi la vestojn de Ĥanjo kaj la skribaĵojn de Alberto kaj tiujn ĉi meblojn, kun kiuj mi nun tiel amikiĝis, eĉ kun tiu ĉi inkujo, kaj pensas: Vidu, kio vi nun estas al tiu ĉi domo! Entute: viaj amikoj estimas vin, vi ofte ĝojigas ilin kaj al via koro ŝajnas, ke ĝi ne povas ekzisti sen ili; kaj tamen — se nun vi forirus, se vi adiaŭus tiun ĉi rondon, ĉu ili estus, kiom du tempo ili estus sentantaj la mankon, kiun kaŭzus via perdo al ilia sorto? Kiom da tempo? Ho, tiel pereema estas la homo, ke ankaŭ tie, kie li havas la faktan certecon pri sia ekzistado, tie, kie li faras la solan veran impreson de sia ĉeesto, en la memoro, en la animo de siaj karulŏj, ke ankaŭ tie li devas estingiĝi, malaperi, kaj tiel baldaŭ!

La 27-an de oktobro.

Mi ofte dezirus disŝiri mian bruston kaj enpuŝi mian cerbon, ke oni povas esti al si reciproke tiel malmulte. Ha, la amon, ĝojon, sentemon kaj ĝuon, kiujn mi ne alportas, la alia ne donas al mi kaj per tuta koro plena je feliĉeco mi ne feliĉigos la alian, kiu sensenta kaj senforta staras antaŭ mi.

La 27-an de oktobro vespere.

Mi havas tiom kaj la sentado pri ŝi englutas ĉion; mi havas tiom kaj sen ŝi ĉio neniiĝas.

La 30-an de oktobro.

Se mi ne jam centfojojn estis sur la punkto jeti min al ŝia kolo! Sciu la granda Dio, kiom ĉagrenas, se oni vidas tiom da amindeco krozanta antaŭ si kaj ne estas permesate ekkapti ĝin; kaj la kaptado tamen estas la plej natura emego de la homaro! Ĉu la infanoj ne ekprenas ĉion, kion ili ekvidas? kaj mi?

La 3-an de novembro.

Sciu Dio! Mi tiel ofte enlitiĝas dezirante, ja kelkefoje esperante, ke mi ne revekiĝos; kaj matene mi malfermas la okulojn, revidas la sunon kaj estas mizera. Ho, ke mi povu esti kaprica, povu ŝovi la kulpon sur la veteron, sur alian, sur malsukcesintan entreprenon, la netolerebla ŝarĝo de la indigno nur duone sidus sur mi. Ve al mi! mi sentas tro vere, ke al mi sola estas ĉia mizero, kiel antaŭe la fonto de ĉia feliĉeco. Ĉu ankoraŭ nun mi ne estas la sama, kiu antaŭe vivis en ĉia pleneco de la sentado, kiun sekvis je ĉiu paŝo paradizo, kiu havis koron por ĉirkaŭpreni amplene tutan mondon? Kaj tiu ĉi koro nun estas mortinta, el ĝi ne plu fluas ravaĵoj, miaj okuloj estas sekaj kaj miaj sentoj, kiuj ne plu estas refreŝigataj per bonfaraj larmoj, timige kuntiras mian frunton. Mi suferas multe, ĉar mi perdis, kio estis la sola ĝojego de mia vivo; la sankta viviga forto, per kiu mi kreis mondojn ĉirkaŭ mi, ĝi estas for! — Kiam mi elvidas el mia fenestro al la malproksima monteto, kiel la matena suno super ĝi penetras la nebulon kaj brilas la silenta herbejovalo kaj la kvieta rivero inter siaj senfoliaj salikoj alserpentumas al mi — ho, kiam ĉi tiu belega naturo tiel rigide staras antaŭ mi, kiel bildo lakita kaj ĉiu ĝojego ne povas pumpi eĉ unu guton da feliĉo el mia koro en mian cerbon kaj la tuta homaĉo staras antaŭ la vizaĝo de Dio kiel fonto sekiĝinta, kiel sitelo fendohava. Mi ofte min jetis teren kaj petis Dion pri larmoj kiel kampulo pri pluvo, kiam la ĉielo super li estas fera kaj la tero ĉirkaŭ li pereas pro soifo.

Sed ha, mi sentas ĝin, Dio ne donas pluvon kaj sunbrilon al miaj malkvietegaj petoj kaj tiuj tempoj, kies rememoro min turmentas, kial ili estis tiel feliĉigaj se ne tial ke mi pacience atendis lian spiriton kaj akceptis la ĝojegon, kiun li verŝis super min, kun plena, dankema koro!

(1) La kantoj de la gelika bardo Ossian (3 jarcento p. kr.) estis konataj per la angla traduko de Macpherson (1760-1765). La aludoj en tiu ĉi letero estas prenitaj el la kantoj Berrathon kaj Selma. Rim. de la trad.

### PROVERBOJ

Dek fojojn mezuru, unu fojon detranĉu.
Pripensu malrapide kaj agu decide.
Laŭdu tagon nur vespere.
Vitro kaj feliĉo ne estas fortikaj
Ĉiuj milionoj konsistas el milonoj.
Ora ŝlosilo ĉion malfermas.
Kiu ne petas, tiu ne ricevas.

(El *Esperanta Proverbaro* de D-ro L. L. Zamenhof.)

# ESPERANTISMO

## ONI KONGRESAS

**Svisa Esperanta Societo.** — Malgraŭ la nefavora vetero granda nombro de svisaj Esperantistoj partoprenis en la jara kunveno, kiu okazis en Meggen b/ Luzern (Esperanta Paradizo) la 25-26 Majo. Sabaton okazis prepara labora kunveno, en kiu oni alprenis diversajn deziresprimojn pri la organizo de la societo (plialtigo de kotizajo, kreo de gazetara servo, eldono de svisa propagandilo, k. t. p.) Dimanĉon matene, okazis la ĝenerala kunveno sub la prezido de S-ro Ed. Stettler. La raporto de la agema sekretario, S-ro J. Schmid, estis aplaŭde akceptata. La kasraporto konstatas, ke la financoj de la societo estas en kontentiga stato. Post la labora parto de la kunveno, S-ro H. Hodler faris interesan paroladon pri la historio de Esperanto en la dek unuaj jaroj, kaj Lucernaj samideanoj ludis Esperantan komedieton. Vivpleña festeno kaj promenado en Lucerno finis la jaran feston de S. E. S. — A. S.

## KRONIKO

**Novaj grupoj kaj societoj.** — En *Kratzau*, apud Reicheinberg (Bohemujo), S-ro J. Pazelt, Del. U. E. A., sukcesis fondi sian 31-an Esp. grupon.

En *Riga* (Rusl.), Riga Esperanto Societo, kun 23 membroj. J. V.

**Novaj kursoj.** — En *Hemsbach* (Baden, German.), kurso de S-ro D-ro Mulert ĉe la Erziehungsheim; partoprenas la direktoro, lia edzino, tri geinstruistoj kaj sep lernantoj. - M.

En *Sampierdarena* (Ital.), de S-ro E. Spallarossa kun 30 lernantoj — E. R.

**Kunvenoj kaj Festoj.** — *Klosternenburg* (Aŭstrio). — La 15-an de majo, okazis en tiu bela Danuba urbo, finfesteno de la 1-a Esperanta kurso, kiun vizitis 34 gelernantoj. La kurso estis arangita de la loka grupo de l'Aŭstria stenografia Asocio Gabelsberger. Dank'al la klopodoj de la grupestro, S-ro Steinbock estis ebligite, ke ankaŭ en Klosternenbŭrg nia afero prosperu. Tion montris la festeno, je kiu partoprenis multaj Wien'aj Esperantistoj. Ĝi komenciĝis per la himno tre bone ludita de bona orkestro kaj stare kunkantita de la ĉeestantoj.

Poste deklamis gelernantoj kiel pruvo por la bona instruado de l'kursgvidanto S-ro D. Sos el Wien Unuiĝo). Oni fermis la oficialan parton per bela donaco al li. Poste deklamis S-ro D. Schwab poezajojn dialektajn germanajn. Tre aplaŭdataj estis la muzikajoj de F-ino Podoušek; dancado fermis la festenon, kiu montris, ke nun ankaŭ en Klosternenburg la movado floras. — H. K.

*Bad Reichenhall.* — 5 de majo unua kunveno de la 2 novefonditaj, najbaraj grupoj Priena- Chiemsee (Prez. S-ro Hans Hübner) kaj Salzburg (Prez. S-ro D-ro Pezlederer) en *Bad Reichenhall* kun la tiea grupo (Prez S-ro Fritz Mayerhaŭser). Treege interesa estis la — bedaŭrinde tro mallonga — kunrestado en tiu belegsituacia internacia kuracloko, kies fremdsezono jam komencis; la ĉeestintaj grupoj disiris en kora amikeco kaj projektis rekunveni la Pentekostan Dimanĉon en *Prien*; al tiu kunveno estas invititaj ankaŭ la Mŭnĥenaj Gesamideanoj. Do ekregas nun ankaŭ en la plej sudorienta angulo de Germanujo vigla esperantista movado. De nun la 3 suprenomitaj grupoj vizitos sin alterne en siaj lokoj. Multe da Geesperantistoj el diversaj landoj jam anoncis sian restadon dum la somero 1912 en Bad Reichenhall, kie estos nunjare vere internacia Esperanto — Rondo. — La « Kurverein Bad Reichenhall » dissendas senpage la gvidlibron tra tiu ĉarmega loko. — F. M.

*Verono.* — La 8n de Majo la Verona Esp. Asocio inaŭguris sian sidejon. Ĉeestis multnombre la Membroj de la Asocio; trapasante tra Verono, estis gasto de nia anaro S-ro Wittek, delegito de U. E. A. en Bozen, kiu diradis poeziojn. Oni tostis al la prospereco de nia Societo, kaj de la esperanta ideo. La kunvenejo estos malfermita vespere dum la tagoj : Merkredo kaj Sabato ĉiusemajne. — R.

En *Chrudim* (Bohem) bone prosperas la amuzaj vesperetoj; partoprenantoj flue parolas nian lingvon ; venas ofte eĉ gastoj el Pardubice. Kun Pardubice-anoj, dimanĉaj amuzaj kunvenetoj en Mikulovice, sub gvidado de S-ro paroĥestro J. Vaněček. — K.

En *Narva* (Rusl ) 13 apr., maskobalo organizita de la « Esta Soc. » kun diversaj propagandaj amuzajoj ; partoprenis 250-300 maskitoj ; premioj estas disdonitaj al la plej belaj kostumoj. — J. T.

**Paroladoj.** — En *Delitzsch* (German.) 2 apr., ĉe la « Verkehrsverein » S-ro supera instruisto Schmideberg parolis pri « Esperanto kaj ĝia disvastiĝo ». Favore raportis la Gazetoj. — S.

En *San Felin de Guixols* (Katal. Hispan.) 29 apr. la Societo « Frateco » organizis publikan paroladon de S-ro F. Pujula Valles pri la utileco de Esperanto. — N. S.

En *Sampierdarena* (Ital.) S-ro Rag. A. Querzola pri « Esperanto kaj inter. lingvo », kaj Prof. Rag. E. Spaltarossa pri gramatiko kaj meĥanismo de Esp. — E. R.

*En Pré Saint-Gervais* (Fran.) nia subdel. S-ro Knopf la 25an de aprilo faris paroladon pri « la manieroj uzi Esperanton praktike, per U. E. A. », ĉe la esp. grupo de tie urbeto. Specialaj programoj de la kunveno estis sendataj al la grupanoj kiuj venis multnombraj. S-ro Knopf detale klarigis la utilecon de nia Asocio kaj, kiel ekzemplo, rakontis siajn vojaĝojn faritajn dank'al U. E. A. La sukceso estis granda por la paroladinto kaj tiamaniere efika por U. E. A. ke tuj 8 membroj aliĝis kiel novaj esperantianoj. — M. G.

**Esperantiaj regionaj kunvenoj.** — *Birmingham*, — La kunveno okazis la 6. majo. La Del. raportis pri sia agado dum la lastaj tri jaroj kaj la komerca konsulo ankaŭ faris mallongan raporton. Oni parolis pri la eldonado de gvidfolio kaj kelkaj membroj promesis helpi. Anstataŭ S-ro Hipsley, eksiĝinta, S-ro W. H. Garbutt estis elektata.

**Distriktaj Esperantiaj kunvenoj.** — La jara kunveno de la svisaj Esperantianoj okazis sabaton 25 majo en Meggen bei/Luzern, dum la jara festo de la Svisa Esperanta Societo. S-ro J. Schmid, Distrikta Delegito, raportis pri sia dumjara agado kaj la stato de U. E. A. en Svisujo ; li donis kelkajn interesajn informojn pri la ĉiam pli multaj servoj, kiujn plenumas la Delegitoj. S-ro H. Hodler poste donis kelke da detaloj pri la ĝenerala situacio de U. E. A., kaj S-ro Ed. Steller pri la financa stato de U. E. A. kaj la hotela servo, organizota de nia Asocio.

## OKAZONTAJ KUNVENOJ

### Esperantista Kalendaro

*Junio*

(16). — Kongreso de la Esp. Normanda Federacio en *Louviers*.

*Julio*

(9-12). — Kongreso de la « Esperanto Asocio de Usono » en *Boston*.

(27-31). — Kongreso de Germana Esperanto Asocio en *Danzig-Zoppot*.

*Aŭgusto*

Tria internacia katolika kongreso en *Budapeŝto*.

(11-18). — Oka kongreso de Esperanto en *Krakovo*.

(11-18). — Tria kongreso de U. E. A. en *Krakovo*.

Unua hungarlanda kongreso Esperantista en *Budapeŝto*.

*Oktobro*
Dua Aŭstralia Esperantista kongreso en Melbourne.

C. O. de U. E. A.

## KRAKOVAJ KONGRESOJ

Niaj legantoj trovos en tiu ĉi Nº la aliĝilon al la Oka Universala Kongreso Esperantista kaj al la Tria Kongreso de U. E. A, kiuj samtempe okazos en Krakovo de la II. ĝis la 18. de Aŭgusto. Ni petas, ke ĉiuj personoj kiuj intencas partopreni la diritajn kongresojn, bonvolu kiel eble plej baldaŭ plenigi kaj alsendi la aliĝilon.

## DIVERSAĴOJ

∴ *Centra Asocio de unujare-rajtigitoj en Bavarujo kaj Esperanto.* — En Germanujo ekzistas leĝo, laŭ kiu junuloj, montrintaj en speciala ekzameno sian klerecon, estas rajtigitaj servi nur unu jaron kiel soldato En tiu ekzameno estas nepre postulata la sufiĉa scio de du fremdaj lingvoj, el kiuj la kandidato povas laŭvole elekti la malnovan grekan, la latinan, la francan, la anglan aŭ la rusan. La klopodoj de la Germana Esperanto-Asocio enkonduki Esperanton en tiun rondon ne jam sukcesis. Tiuj « unujare-rajtigitoj » havas la preferon ĉe la ricevado de multaj ŝtataj oficoj ; sed la plikarigo de la vivrimedoj kaŭzis ke la salajroj por multaj ŝtataj oficoj ne estas sufiĉaj kaj en la lastaj jaroj multaj « unujare-rajtigitaj » preferas pozicion en liberaj profesioj, aŭ kiel komercoficistoj au kiel teknikuloj.

Sekve de tio ankaŭ fondiĝis asocio nomata « Zentral-Verband der Einjahrig-Berechtigten in Bayern (centra asocio de unujare-rajtigitoj en Bavarujo) ». Tiu asocio, enhavanta multe da Esperantistoj, celas plibonigi la situacion de la klerularo. Nun en la 4-a jaro depost sia fondiĝo, ĝi posedas pli ol 7 000 membrojn, kaj havas grandan influon ĉe la registaro, ĉar multe da ŝtatoficistoj kaj oficistoj de komunumoj apartenas al ĝi. Se tiu asocio akirus pli da membroj el la liberaj profesioj, ĝi povus pli bone devigi la registaron, plialtigi la salajrojn de la rilataj ŝtatoficistoj, kaj por tiu celo ĝi starigis oficejon por la perado de okupoj en liberaj profesioj, precipe ankaŭ fremdlande. La estro de tiu oficejo estas Esperantiano, kaj en la lasta kunsido de estraro de tiu asocio, li proponis aliĝi al U. E. A. kio estas unuvoĉe akceptita. Pro tio ĉiuj Delegitoj estas petataj sciigi al tiu nova Esperantia entrepreno je la adreso « Zentral-Verband, Nürnberg, Theresienstrasse 21 I » ĉiun oficon en sia urbo konvenan por Germanoj konantaj bone ilian profesion kaj kelkajn fremdajn lingvojn. La Zentralverband donas monate al nia centra oficejo regulan raporton pri la laboro de la Delegitoj ; samtempe ĝi tien repagos la sendkostojn elspezitajn de la delegitoj por *ne postulataj* sciigoj, rigardante ilin kiel donacon de la delegito al nia centra oficejo.

Estas grava afero, se 7000 kleraj personoj en Bavarujo sciiĝas per sia asocio, kiel laboras nia asocio. Krom tio estas nur tempa demando, kiam tiu unuiĝo disvastiĝas sur la tuta teritorio de la germana imperio, ĉar la diversaj asocioj de kleraj oficistoj en la norda Germanujo preparas jam la unuiĝon kun tiu lerte laboranta asocio.

Leu, Del. Fürth.

∴ *Korekto.* — La laŭreato de nia komerca konkurso estas S-ro Nikolao Kaposi, ne Kafosi, kiel ni erare diris en nº 122 (paĝo 12).

∴ *Sukceso de Esperanto.* — Ĉe la Internacia Kongreso de la sendependa mutualeco, okazinta en Madrido, de la 13-ĝis la 12 majo, estis unuanime akceptata deziresprimo favora al la alpreno de Esperanto kiel interkomunikilo inter la membroj de la Internacia Federacio de la sendependa mutualeco.

∴ *En Usono.* — Dum la lastaj tri monatoj estas aranĝitaj en Philadelphia 4 ekspozicioj en la butikoj de la diversaj vendejoj, unu ĉe la Oficejo de U. E. A. (133 N. 13 th str.). — C. C. C.

∴ *En Italujo.* — La estraro de Sampierdarena senpage disponigis al la tiea societo du salonojn en la urba palaco de l'instruado : unu por la kursoj, alian por la kunvenoj; tio estas fakte nerekta monhelpo. — E. R.

∴ *En Anglujo.* — Kontentiga progresado en Letchworth ; en tiu urbeto kun nur 9.000 loĝantoj estas ĉirkaŭe kvindek Esperantistoj el kiuj dudekkvar Esperantianoj.

## TRA LA GAZETARO

∴ *Lingvo Internacia.* (majo). *Por Esperanto* (Th. Cart) :

« ... Se, anstataŭ ekzameni la nunajn esperantajn problemojn *en ili mem*, ni ĉiam demandas nin, ĉu iu aŭ alia solvo plaĉos al iu aŭ alia eĉ plej grava eminentulo, pli saĝe estus, tuj forlasi ĉiun propagandon, ĉiun esperon, ĉar baldaŭ nia afero perdiĝos en la marĉon de iu ĝenerala, malpreciza, absolute senfrukta « sentimentala » bonanimeco, kiu ĉion aprobas, ĉion laŭdas, ĉion akceptas kaj sisteme fermas la okulojn antaŭ plej gravaj eraroj de eminentaj *amikoj*, ĉar « bonaj estis aŭ estas iliaj intencoj » !

Virojn bezonas nia movado, kiuj, ne serĉante personan sukceson, momentan aprobon kaj aplaŭdon, agas vire, plenkonscie, lojale, kaj eĉ kun danĝero malplaĉi al plej kara amiko aŭ al respektata persono, diras tion, kion postulas la vero kaj la intereso de Esperanto kiu superas ĉiun individuan, « klanan » aŭ komercan intereson.

Pri la lingva demando la tute ne klarigebla kaj neniam tro bedaŭrinda forĵeto de la propono Privat en Antverpeno, sendube ne pravigas la esperon de tiuj, kiuj atendas de la internacia registaro, proponojn pri lingvaj reformoj, sed ĝi sufiĉis por malfortigi nian propagandon en diversaj cirkonstancoj. Lingvon ne firman, lingvon sisteme pliplenigotan neniu volas lerni, kaj tute prave !

...Ili rekte laboras kontraŭ Esperanto kaj vere tro malaltigas nian taskon, tiuj, kiuj, rekondukante ĉion al persona demando, rifuzas ekzameni *en ĝi mem* la valoron de ia argumentado, kaj, por ne malĝojigi unu aŭ la alian, preferas la silenton kaj la blindan akcepton de projektoj nek maturaj, nek sufiĉe pristuditaj. Esperanton ni ne amas pro Esperantistoj, sed Esperantistojn pro Esperanto, kaj tio tute ne estas la sama afero !..

... En la nunaj cirkonstancoj nia duobla devo estas do, antaŭ ĉio, subteni niajn naciajn societojn kaj U. E. A., kiu bone meritis de la tuta Esperantistaro. Sian utilecon, sian vivkapablecon ili ja pruvis, sed ili bezonas tamen ion alian, ol simple vortan simpation. Malutila esto ĉio, kio povus konkurenci ilin aŭ malpligrandigi ilian rolon.

La sama gazeto plene represis la ĉefartikolon de *Esperanto:* Kion devas scii la Esperantistaro.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

### Disdonado de reklamiloj.

Okazas iafoje, ke niaj Delegitoj ricevas por disdonado prospektojn de iuj Esperantistaj firmoj, kiuj montras nek sian numeron de membro, nek sian numeron de Esperantia Entrepreno. Ni rememorigas al niaj Delegitoj, ke ili havas la devon disdoni kaj diskonigi nur tiujn prospektojn, kiuj estas sendataj de Esperantiaj Entreprenoj, ĉu senpere, ĉu per la Centra Oficejo de U. E. A. Disdonante ĉiujn ajn prospektojn, eĉ de firmoj ne aliĝintaj al U. E. A. niaj Delegitoj per tio malutilus al la jam aliĝintaj Entreprenoj, el kiuj pluraj aliĝis al nia Asocio speciale por uzi ĝian reklaman servon.

### Statistiko.

Kiel oni povos konvinkiĝi per la subaj ciferoj, la repagado

de la kotizaĵoj al U. E. A. efektiviĝis senteble pli rapide en 1911/12, ol en 1910/11.

| Monato | Nombro de la membroj | |
| --- | --- | --- |
| — | 1910/11 | 1911/12 |
| 1. Novembro, | 71 | 450 |
| 1. Decembro, | 1072 | 1850 |
| 1. Januaro, | 2332 | 3176 |
| 1. Februaro, | 3487 | 4516 |
| 1. Marto, | 4718 | 5957 |
| 1. Aprilo, | 5557 | 6782 |
| 1. Majo, | 6373 | 7469 |

Je la 20. majo 1912 la membronombro de U. E. A. ĝuste atingis la saman ciferon kiel en la fino de la societa jaro 1910/11. Ni do jam nun povas antaŭvidi, ke la nombro de la Esperantianoj estos senteble pli alta ol en la lasta jaro.

**Etato de la Esperantianoj.**

Je la 20. majo estas enkasigitaj de la Centra kaso de U. E. A. 7657 kotizaĵoj por 1912 (je la 5. majo 7362) + 184 subtenantoj.

Lastan monaton la jenaj regionoj atingis pli ol 20 membrojn : *Abbeville, Krasni, Jar, Sofia*; Pli ol 50; *Augsburg, Hamburg*.

**Fakaj membroj.**

*Interŝanĝa Fako*, 394; *Laborista Fako*, 82; *Virina Fako*, 119.

**Subtenantaj membroj** (11-a listo) :

183. Andreo Fiŝer (Tiflis); 184. Jos. Radvanyi (Gyulafehérvàr).

**Novaj Del., Vic., kaj Subdel.**

Cancon (Francujo, Lot-et-Garonne. — D. : Jean Renaud, entreprenisto de publikaj laboroj.

Dole (Francujo, Jura). — D. : Louis Crebely, Moulin-Rouge.

Ellefeld i. V. (Germanujo, Saksujo) — D. : D-ro Zieschang, direktoro de l'lernejo.

Haiphong (Tonkino). — D. : Saillens, kapitano ĉe kolonia regimento.

Heidenheim (Germanujo, Vurtembergo). — V. D. : Karl Ochsle, komercisto, Friedenstrasse, 9.

Jalta (Rusujo, Tavriĉeskoj gub.). — D. : Friedr., Polanskij, frizisto, Gogolevska str.

Kostroma (Rusujo). — D : D-ro A. A. Cvetaev, kuracisto, Bogojavlenskaja, domo Pretjakov.

Lincoln (Anglujo, Lincolnshire). — D.: Thomas Erskine Swanzy, pastro Walmer House, 203, Monks Rd.

Losonc (Hungarujo). — D. : Sandor Weisz, ĉefoficisto, Rakottyaygyar, VD. : Dr. Aladar Draskoczy.

Oswestry (Anglujo, Shropsh). — D. : Rob. Edm., Fr. Foulger, 13, Oswald Rd.

Vittel (Francujo, Vosges). — Del.: Henri Balestas muizikisto en « Casino ».

Wigan (Anglujo, Ince). — D. : T. R. Ogden, 217, Ince Grenham, VD. : Florence E. Taylor, instruistino, 232, Darlington, St. E.

Zaporojje-Kamionskojo (Rusujo, Ekaterinoslav gub.). — D. : Bronislav Radziminski. — VD. : Ilja Bjelajav, Technlĉeskaja kontoro D. Z.

**Ŝanĝoj**

Birmingham (Anglujo, Warwick). — D. : W. H. Garbutt, Jurnalisto, 221 Alexander Rd., Acocks Green. — VD. : F. Hipsley, termezuristo, 156, South Rd.

Bradford (Anglujo, Yorkshire). — D. : Alfred Tuke Priestman, impostisto, 5, Askburnham Grove.

Chatillon-sous-Bagneux (Francujo, Seine). — D. : Fernand Olivet, ĝardenisto, 37, avenue de Paris.

Enghien-les-Bains (Francujo, Seine-et-Oise). — D. : Josef Ledoux, muzikisto en la « Casino ».

Hamburg (Fermanujo). — D.: S. Levinson, 11, Hahnentrapp, 21. VD. : S-ino Elsa Jenckel, instruistino, Reismuhle, 14 II

Magdburg (Germanujo, Prusa Saksujo). — D. : Paul Goring, presejfaktoro, Lübeckerstr, 10.

Perpignan (Francujo, Pireneoj orientaj). — D. : D-ro Jean Baron, instruisto, Ecole Paul-Bert.

Prien (Germanujo, Bavarujo). — D. : Hans Hübener, kunposedanto de la « Priener Zeitung », Villa Josefina.

Shrewsbury (Anglujo, Shropsh.). — D. : Robert A. Craig, registristo de la juĝejo, 17. Dogpole.

Toulon (Francujo, Var). — D. : Paul Bérenguier, ŝtata oficisto, 43, rue Picot.

**Korektoj.**

Rochdale (Anglujo, Lancashire). — Herbert Highley, farmaciisto, 7, Extr. Str.

Tours (Francujo, Indre-et-Loire). — D. : Maurice Patin, rue Michelet, 5.

En la jenaj urboj, ne plu estas Del. : Kotka, Nijnij-Novgorod, Adelaide, Privas, Wyŝnij-Woloĉok (VD), Condé, Draguignan, Kismarton.

**Citoj.**

Bombay. — D. : S-ro Katnick, (1-a. cito).

Napoli. — D. : S-ro Bagnulo (1-a. cito).

Pro nerespondo je informpeto.

**Novaj Esperantiaj Entreprenoj.**

Marseille (Francujo). — Societo de la telegrafaj kodoj, Georges Lugagne, 19, rue de la Darse.

Bad-Reichenhall (Germanujo). — Internacia Societo por fondo de Esperanto Kolonio en Brazilujo. Adr. : F. Mayerhauser, Gradirhausstr. I (p).

# PRI ESPERANTO-OFICEJOJ

Jam en 1907 estis fondataj la unuaj Esperanto-Oficejoj (E. O.) Ĉe la III-a Kongreso, S-roj Carles, Meyer, Hodler kaj Rousseau prezentis raporton pri tiuj organizaĵoj. Sekve, multaj estis kreataj. Inter la multaj E. O., kiujn mi ĉiuflanke vizitis, mi citos unuavice tiujn en den Haag, Dresden kaj Lyon, kiuj plej bone, eĉ modele, funkcias.

En multaj urboj, la E. O. pli ofte utilas al la trapasantaj Esperantianoj ol la Delegito mem. En la E. O. oni estas certa renkonti Samideanon kaj ricevi deziratajn informojn; la Del. pro profesiaj okupoj ne povas ĉiam hejme restadi. Pli senĝene oni eniras magazenon, ol oni vizitas nekonatan personon.

La E. O. (oni pri tio ne sufiĉe atentas) ne nur praktike utilas al la Esperantianoj, sed jam liveris tre gravajn rezultatojn por la ĝenerala propagando de Esperanto. Nun oni ekkonscias, preskaŭ ĉiulande, ke propagandaj paroladoj fariĝas iom post iom pli sentrafaj. Gazetartikoloj estas pli taŭgaj. Sed precipe la aparte persona varbada plej bone sukcesas. Estas tamen dezirinde, ke al tiuj izole konvinkitaj adeptoj oni povu indiki adreson, kie ili ricevos ĉiujn necesajn informojn. Por tio konvenas la E. O., se iliaj direktoroj mem aŭ oficistoj estas vere kapablaj propagandi, se en ili estas propagandaj ekspozicioj, se ili posedas sufiĉe plenan kolekton da libroj.

Kompreneble, pro sindonemo, kaj ĝenerale nur pro tio, tiel agas la Oficejestroj. Sed ili meritas, ke oni helpu al ili, kaj oni devas atenti ne kontraŭagi iliajn klopodojn. Car ili bonvolis akcepti la taskon vendi Esperantajn librojn (kio liveras ja negravajn profitojn), estus dezirinde, ke nur ĉe la E. O. oni mendu ĉiujn Esperantaĵojn.

Male, dum la lastaj monatoj, mi kun bedaŭro konstatis, ke, en pluraj urboj, la enloĝantaj Esperantistoj penis trudi

la vendadon kaj tenadon de Esperantaj libroj al multaj librovendistoj; tion farante, ili kredis disvastigi Esperanton. Tio, laŭ mi, estas tre grava eraro. Neniam la profitoj por la ordinaraj libristoj estos sufiĉe altaj por ke ili vere interesiĝu al tiu fako; do ili baldaŭ forpelos Esperanton kaj Esperantistojn. Ni ne blufu inter ni; ni konsciu, ke ni nun ne estas sufiĉe multaj por ĉion superŝuti. Ni zorge alcentrigu niajn literaturaĵojn ĉe unu fidindan amikon, eĉ en iom grandaj urboj.

Bedaŭrinde estas ankaŭ, ke kelkaj eldonistoj konsentis rabatojn al la instruantoj de nia lingvo, ĉi tiuj devas esti malpli gajnemaj, kaj ne konsideri Esperanton kiel profitilon.

Se procenteto estas akirebla, ĝi estu dediĉata al la Oficejestroj, kiuj pagas luprezon kaj imposton por la magazeno, kaj akceptas oferi sian tempon al la propagando.

Mi opinias, ke la instruantoj, Delegitoj kaj prezidantoj aŭ sekretarioj de societoj ne devus komerci per nia lingvo, tie kie estas unu E. O.

Ni helpu la Esperanto-Oficejojn, kiuj tiom helpas nin!

L. P. T.

# Fakaj Societoj

### Internacia studenta kongreso en Krakovo 1912

Centra organizaĵo studenta « *Ĉiostudenta Asocio* » kunvokas ĉiujn studentojn kaj junulojn al studenta kongreso en Krakovo dum 11-18-a septembro 1912. Tiu kongreso ne estos nur manifestacio de junaj homoj por Esperanto, sed precipe labora kunveno, kies tasko estos decidi definitive gravan demandon pri sola, centra, internacia organizaĵo de la studentoj. Ĉar multe da studentoj volas viziti Krakovon, estas espereble, ke tiu ĉi kongreso havos bonan sukceson kaj atingos plene sian celon. Sed pro preciza elplenumo de preparlaboroj estas tamen bezone scii la proksimuman nombron de la ĉeestontoj. Do, ĉiuj studentoj kaj gejunuloj, vizitontaj Krakovon, bonvolu afable kaj tuj sciigi tion al ĝeneralsekretario de Ĉiostudenta Asocio S-ro *Joza Mareŝ* en *Luhaĉovice* (Moravio-Aŭstrio) plej malfrue ĝis la fino de julio 1912! Paroladontoj sciigu la temon de sia respektiva parolado aŭ sendu la proponojn al la sama adreso. Oni serĉas paroladontojn por la jenaj temoj: 1. Kiel organizi la progreseman junularon? 2. La plej praktika organizaĵo de studentoj — 3. « Corda Fratres » kaj diversaj studentaj organizaĵoj neesperantistaj; 4. Propagando de tendencoj tuthomaraj inter junularo.

Ĉiostudenta Asocio varme petas ĉiujn gekolegojn por afabla sendado de informoj pri ĝisnunaj organizaĵoj studentaj esperantaj (eĉ jam mortintaj) aŭ naciaj. Nome bonvolu sendadi ĉiujn gravajn dokumentojn, ekzemple: Enskribo de historio de la organizaĵo nomaro de fondintoj kaj komitatanoj, regularoj, proklamoj, legitimaĵoj, studentaj gazetoj, specimenoj de oficialaj presaĵoj, k. s. Oni atentigas, ke ankaŭ nacilingvaj presaĵoj estas dankeme akceptataj. Se baldaŭ estos kolektita la necesa materialo, nome la informaj artikoloj pri la esperantaj kaj naciaj asocioj studentaj, eldonos Ĉiostudenta Asocio jam antaŭ la krakova kongreso praktikan libreton, informantan pri la studenta vivado societa kaj pri ĉiuj societoj, asocioj kaj organizaĵoj studentaj en la tuta mondo. Tiu libro estus disdonata inter ĉiuj ĉeestantoj de la studenta kongreso.

Sed tiu laboro efektiviĝos nur tiam, se ĉiunacia studentaro kunhelpos. Do, skribu kaj sendadu tuj decidojn kaj detalojn pri la kongreso kaj pri tiu ĉi libro publikigos Ĉiostudenta Asocio en sia oficiala organo, gazeto *Gestudentaj Interesoj* kaj en ĉiuj pli gravaj gazetoj esperantaj.

Luis Carlos, *prezidanto*, Paris — J. Mares, *sekretario*, Banurbo Luhaĉovice

Ed. Zatecki, *kacisto*, Krakovo

*Rim.* — Por informoj oni skribu al la sekretario, sed aldonu unu respondkuponon por respondo!

### Vojaĝstipendioj por la studentoj

*Ĉiostudenta Asocio.* — Elskribos baldaŭ 2-3 vojaĝstipendiojn por studentoj. La stipendio devas esti uzita nur por propaganda vojaĝo tra fremdaj landoj. La postulantoj sciigu la jenajn informojn: 1. Precizan adreson; 2. Aĝon kaj studon; 3. Direkton de proponata vojaĝo (landoj-urboj); Tempon proksimume; 5. Proksimuman sumon da spesmiloj.

La estraro estas devigita komuniki, ke unu respektiva stipendio ne estos pli granda ol 50-100 Sm. Dum la pasinta jaro estis donacataj 2 stipendioj sume 150 Sm. (al Hungaro kaj Ĉeho). Petojn oni sendu (aldonante unu respondkuponon aŭ samvalore naciajn poŝtmarkojn) ĝis la fino de junio 1912 al adreso: *Esperanto-Luhaĉovice* (Moravio-Aŭstrio). Petoj sen respondkupono estos ne responditaj!

# Esperantia Parolejo

### Oni laŭdas!

∴ Deko da Nederlandaj fervojistoj faris 6-9 majo peresperantan ekskurson al Parizo. Dank'al la bonegaj servoj de U. E. A., kiujn ni uzis dum nia restado tie, ni povis viziti multajn vidindaĵojn. Pro tio ni speciale ŝuldas dankon al *F-ino Gérard* kaj al *S-ro Neau*, ambaŭ Sud-Del., en Parizo, pro ilia agrabla, multŝatata gvidado; samtempe al *S-ro Leclerc*, estro de l'Hotelo du « Globe », 71, rue Monge pro la rekomendinda malmultekosta loĝejo, kiun ni volonte rekomendas al samideanoj vizitontaj Parizon. — H. Haenen, Del., *Boxtel* (Nederl.).

∴ Antaŭ kelkaj tagoj mi uzis la unuan fojon la servojn de U. E. A.: Mi informpetis del., en Vevey (Svisl.) pri detaloj rilate al mia restado en Svisujo dum mia somera libertempo. Miaj demandoj estis senprokraste kaj tre detale respondataj kun aldonitaj prospektoj, ilustritaj poŝtkartoj de la pensiondomo, k. t. p., tiel ke mi estas plene kontenta pri la servoj de U. E. A. — E. Freitag., *Essen-Ruhr* (Germ.).

# Esperantia Vivo

**Nekrologio.** — La 11-an de Majo mortis en Praha-Nusle post longdaŭra malsano unu el la pioniroj de bohema Esperantista movado kaj kunfondinto de Bohema Societo Esperantista en Praha, S-ro *František Bartoŝ*, oficisto. — La mortinto estis vera esperantisto, kiu pro sia ĝisfunda kono de Esperanto kaj pro sankta ardo kaj amo al nia afero estis — precipe de siaj multaj lernintoj — tre alte ŝatata. Rememoro restu al li en la koroj de Esperantistoj! — Bohema Societo Esperantista, *Praha*.

# Alvokoj

### Invito al ĉiuj vizitantoj de la Krakova Kongreso

Karaj gesamideanoj,

La subskribentaj grupoj de U. E. A, kaj G. E. A., invitas Vin kore, restadi dum Via alkongresa vojaĝo kelkajn horojn en nia urbo Breslaŭ.

Ni intencas aranĝi vendredon, la 9-aŭgusto grandan propagandvesperon, kaj montri per ĝi al la loĝantaro de nia urbo la vivantan realan Esperanton. La kaŭzo pro kiu ni intencas tion, estas granda ekspozicio aranĝota dum 1913, en Breslaŭ. Nia urbestraro invitis krom multegaj aliaj asocioj ankaŭ la Germanan Esperanto-Asocion al Breslaŭ, kaj ni esperas, ke G. E. A., akceptos la inviton, kaj aranĝos sian venontjaran kongreson en Breslaŭ.

La menciita ekspozicio estas montronta la artan, industrian, sciencian kulturon antaŭ 100 jaroj, kaj, ĉar tiu epoko estis gravega por la posta historio de grandaj eŭropaj popoloj, la ekspozicio allogus ne nur multmilojn el la tuta Germanujo, sed ankaŭ milojn da najbarlandanoj, t. e. Rusoj, Poloj, Aŭstroj, Bohemoj, Hungaroj, Danoj, k. a.

Dum ĉi tiu bonega okazo ni volas forte propagandi nian lingvon, kaj la urbestraro akceptis tre favore niajn proponojn, fariĝis Esperantia Entrepreno, kaj uzos kiel tia, plej eble multe la peradon kaj helpon de U. E. A.

Por veki jam nun la intereson de la granda publiko por nia venontjara laboro, kaj gajni novajn kunbatalantojn en la scienco kaj komercistaro, ni volas utiligi la bonegan okazon de traveturado de multcentoj da kongresontoj. La Amerikanoj, Angloj, Francoj, Hispanoj, Portugaloj, Belgoj, Nederlandanoj, Nordsvisoj, Sudgermanoj, Danoj, Svedoj kaj Norvegoj, ĉiuj atingas Krakovon plej rapide kaj plej rekte tra Breslaŭ. Tial specialvagonaro por preskaŭ 1/2 veturprezo estas arangebla por multegaj kongresontoj ĝis Breslaŭ, ili alvenas vendredon posttagmeze, kaj sabaton antaŭtagmeze ni ĉiuj povus kune veturi Krakovon ankaŭ per speciala vagonaro.

Nia urbestraro konsideros la vizitontojn kiel siajn gastojn disponigos al ni salonon por la kunveno, kaj salutos la Esperantistaron oficiale ; ankaŭ multe da altrangaj kaj influhavaj personoj ĉeestos la kunvenon.

Do, ni petas ke ĉiu el Vi, kiu povas oferi unu tagon, helpu al ni akceptante nian inviton. Tio neniel plikostigus vian vojaĝon, sed male, per la specialaj vagonaroj plimalkarigos ĝin.

Sube mi konigas la detalaĵojn pri eventualaj specialvagonaroj laŭ la informoj, ricevitaj el la fervoj-administrantaro, ĉar laŭ nia scio, ĝis nun neniu alia urbo invitis la kongresontojn, kaj ankaŭ pri la speciala vagonaro de Zürich tra Munĥeno, Vieno Krakovon ankoraŭ nenio estas definitive decidita, ni opinias, ke nia invito ne konkurencas kun iu alia pli frua projekta.

Mi petas ĉiujn, kiuj principe estas pretaj, restadi vendredon kaj sabaton (la 9 kaj 10 aŭgusto) antaŭtagmeze en Breslaŭ, sciigi tion al mia adreso plej eble baldaŭ por ke ni povu ĉion zorge prepari.

Plej bone estus, se anoj de sama loko tion sciigas kune, por ke, ni, aranĝante specialan vagonaron, sciu precize el kiuj lokoj kiom da vojaĝontoj estas akceptotaj.

Mi dankas jam nun, en la nomo de Breslaŭ, kaj speciale ties Esperantistaro, korege al ĉiuj kiuj vizitos nin, kaj promesas al Vi, ke ni faros ĉion eblan, por ke la ĉe ni dumvivitaj horoj restu longdaŭra, agrabla memoraĵo por Vi.

Georg MAHN,
Delegito de U. E. A.,
Komiisito de la loka grupo de U. E. A., kaj G. E. A.,
Albrechtstr, 43, Breslau.

∴

*Informoj pri specialaj vagonaroj !*

Speciala vagonaro estas veturigebla de la germana limstacio Herbestal ĝis Breslaŭ.

Herbestal tra Cœln, Duisburg, Oberhaŭsen, Berlin, Breslaŭ : 993 km.

1-e. En Herbestal povas envagoniĝi, Francoj, Hispanoj, Portugaloj, Belgoj, Nederlandanoj ;

2-e. La angloj, veturontaj tra Dover, Ostende povus ankaŭ jam en Herbestal envagoniĝi. En Duisburg : Angloj, Skotoj, Amerikanoj, k. a. ;

3-e. En Berlin : Svedoj, Danoj, Norvegoj, k. a., kondiĉo estas ke la tuta vagonaro de Herbestal ĝis Breslaŭ enspezu la sumon da 2.000 Sm. Tiam po kilometro kostus 3-a., klase proksimume 9/10 sd., anstataŭ 1 3/5 (ordinara tarifo). Se do jam en Herbestal estus 230 partoprenontoj, ilia bileto ĝis Breslaŭ kostus 3-a. klase proksimume Sm., 8 3/4 anstataŭ 16. Por la aliaj, poste enirontaj la saman vagonaron en Coln, Duisburg, Berlin, k. t. p., estus proporcie la sama plimalaltigo de la prezo. Speciala vagonaro de Breslaŭ-Krakovon estas aranĝebla kun minimume 100 partoprenontoj. Tiam la biletprezo estus ankaŭ proksimume la 1/2-a., t. e. 3-a. klase Sm., 2,50 ; 1-a. klase Sm. 3.60. Minimume 8 tagojn antaŭe la vagonaro devas esti mendata kaj por la vojaĝo de Herbestal-Breslaŭ pagataj Sm. 2.000. Ĉiuj plenumeblaj deziroj de la partoprenantoj estas konsiderataj de la fervoj-direkcio.

## Al Kristanaj Celadistoj !

La ĉiujara kunveno de la Kristana Celada Unio de l'unua distrikto de ŝtato Missouri okazos ĉirkaŭe 22 junio. Oni preparas ekspozicion de Esperantaĵoj kaj eble metos Esperanton en la tagordon. Tre utilus se alilandaj kristanaj personoj kaj societoj senprokraste sendus salutojn, se eble kun fotografaĵoj, al : Unua Distr. K. C. kunveno, Ray G. Hulburt, en *Kirksville* (Missouri, Usono).

## Teknikistoj !

La *teknika lernejo por konstruado de korektaj automobilkarosoj* nomata *Schule Bergmann* en Berlin-Charlottenburgo eldodas lernej-programon en 4 lingvoj : germane, france, angle, esperante. Ĝi enhavos teknikajn artikolojn kaj verŝajne estos daŭrigota kiel regule aperonta teknika ĵurnalo. Ankaŭ anoncoj estas akceptataj. Pro la internacieco oni deziras tiel multe da kunlaborantoj eksterlandaj kiel estus troveblaj per Esperanto en la automobila aŭ veturila fako. La unua eldono aperos en junio. Interesuloj do estas petataj skribi tuj al la direkcio. Pli poste, kunlaborado estos pagata. Ĉe la krakova kongreso mi esperas renkonti multajn teknikistojn. Ĉar por diskonigi kaj vendi la produktojn de la lernejo oni ankaŭ deziras riprezentantojn, mi petas, uzi okazojn por altiri al la kongreso eĉ kolegojn neesperantistajn. Eble prezentiĝos okazo por formi sekcion de la unuiĝi de esperantistaj inĝenieroj kun speciala celo prilaboradi la veturilan fakon.

Oskar Bergmann,
direktoro, eldonanto de teknika literaturo,
Esperantia Entrepreno.

## Al la Delegitoj de Sud-Okcidenta Germanujo

Jam la *28-an de Novembro 1911* mi forsendis *Rondirantan Kajeron* kaj esprimis en ĝi la esperon rericevi ĝin je *Kristnasko 1911* (ne 1912 !). Hodiaŭ — du semajnojn *post Pasko* — mi ankoraŭ reatendas la kajeron. Nur okaze mi sciiĝis, ke ĝi jam trapasis Mannheim. Do ĝi restis en unu el la nordaj urboj de la Distrikto kaj mi insiste petas *resendi* ĝin al mi aŭ tuj doni sciigon *kie* ĝi restis.

H. Pfaff, D. D.

## Al la Tutmonda Esperantistaro

La Bostona Esperanta Societo petas ke ĉiu esperantisto, sole aŭ per sia grupo, sendu al ni kiel eble plej multe da ekzemploj de la praktika uzo de Esperanto (komerca, scienca, turisma, k. t. p.), por ke ni povu pretigi raporton pri ĝia utileco por la Amerika Esperanta kunveno (en Bostono, la 9-an de julio) ; tiu raporto estos poste sendata al la Krakova Kongreso kaj al la Internacia Kongreso de la Komercaj ĉambroj (en Bostono, la 24-28 de septembro) ; kaj tiam, aŭ poste estos tradukata en nacian lingvon. Por tiu celo, ekzempleroj de komercaj leteroj kiujn oni jam ricevis estus tre bonaj.

Ŝajnas al ni ke la plej bona maniero per kiu oni povas interesi la komercistojn, estas montri al ili la pruvon de la nuna uzo ; tiel ankaŭ oni povas interesi la sciencistojn, la turistojn, k. t. p. Kvankam ni jam havas kelkajn ekzemplojn de la diversaj uzoj, ni deziras tre multajn similajn ; tial ni petas ke oni sendu al ni la respondojn antaŭ la 1-a. julio, por ke ni havu sufiĉe da tempo por pretigi la raporton por la unua nomita kunveno (t. e. en Bostono la 9-11 julio). Ni ĝoje sendos ekzemplerojn de ĉi tiu cirkulero al rekomenditaj adresoj.

Adreso : « La Bostona Esperanta Societo, 209, Pierce Building, Copley Square, Boston, U. S. A. ».

### Ekspozicio

Nia grupo intencas arangi ekspozicion esperantan, por konvinki la ĉi-tiean loĝantaron pri la utilo kaj la jama disvastiĝo de Esperanto. Ni ankaŭ intencas rondirigi la esperantaĵojn en la ĉirkaŭaĵo, kio certe havos grandan efikon. Tial ni petas la estimatajn gesamideanojn kaj eldonejojn pri alsendo de gazetoj, prospektoj komercaj, ilustritaj poŝtkartoj, libroj, ktp. Laŭ ebleco ni dediĉos al la sendontoj ilustritajn kartojn de nia loko aŭ bildon de nia grupo. Jam antaŭe koran dankon. La esperantaj gazetoj bonvolu represi ĉi tiun alvokon.

La ekspozicia komitato :

*Robert Pfennigwerth. F. Gerndt. Hans Kuchenmeister.*

N. B. — La sendaĵojn oni direktu al « Esperanto Grupo » en Hirschfelde, Saksujo, Germanujo.



# REKLAMO

## KORESPONDADO

La subaj anoncetoj pri Korespondado estas publikigataj sen garantio de ni pri regula respondo.

La personoj, kiuj deziras korespondi en daŭra maniero kaj havi garantiojn pri akurata respondo, aliĝu al la nova fako de U. E. A. « Universala Interŝanĝa Asocio » (kotizaĵo 0.50 Sm.), speciale starigita por faciligi la rilatojn inter korespondantoj kaj kolektistoj. La adresoj de la membroj de la Interŝanĝa Asocio estas publikigataj en la Interŝanĝa Bulteno.

L = *letero*. PK = *poŝtkarto*. PI = *poŝtkartoj ilustritaj*. PM = *poŝtmarkoj*. b. fl. = *bildflanko*.

Aidin (Turkujo). — F-ino Belina Gueron, banquier, PM.

Aidin (Turkujo). — S-ro Joseph Saragossi, Alliance, PM. PK.

Antverpeno (Belgujo). — S-ro Sandrap, oficisto, rue Dubois, 25, PI. (vidaĵoj kun naciaj kostumoj).

Balaŝov (Rusujo, Sarat. gub.) — S-ro Starŝikov-Kudrjavcev, Troickaja ul. sob. dom.

Barcelona (Hispanujo). — S-ro Jako Paulet, en « Societo Paco kaj Amo », Montseny 67.

Barcelona (Hispanujo). — S-ro Petro Aguilo, komercisto, strato Provenza 135, PI. L.

Boulogne-sur-Mer (Francujo). — F-ino Louise Haignéré, instruistino, 149, rue du Moulin à Vapeur, PI.

Brno (Aŭstrio, Moravio). — S-ro Cocak Stanislav, Ryclova ul. 7, PK. PI. PM. L. (speciale kun fotografistoj).

Budapest (Hungarujo). — S-ro Ludoviko Ihasz, prof. kand., I. Borsstr. 5 PI. PK. L. PM. (nur kun Oceanianoj, Afrikanoj kaj Azianoj).

Dresden (Germanujo). — S-ro Richard Renger, Dresden-N. 15, Arsenal Fl. A. III.

Gerona (Hispanujo). — S-ro L. Pujol, curtidos-Bandlas, PI. PM.

Kiev (Rusujo). — S-ro Georgo Javorskij, studento, Luteranskaja 28, 23, PI. bfl.

Kiŝinev (Rusujo, Bessarabio). — S-ro Kenig, gimnazio, poste restante, PI.

Levallois-Perret (Francujo, Seine). — Dekokjara dez. koresp. per PI. kun samaĝulinoj, skribu al S-ro Robert Moulin, 39 *bis*, rue de Courcelles.

Linkœping (Svedlando). — S-ro Pengt Arre, estro de bankkon-

toro, Pl. (kun ekstereŭropanoj, karakterizaj pejzaĝoj aŭ urblokoj; bildoj montrantaj popolajn morojn aŭ urblokoj; bildoj montrantaj popolajn morojn aŭ tipojn. Mallonga klarigo esperante bildflanke).

Losoncz (Hungarujo). — Sro. I. R. Sturman, Kossuth Lajos u., Pl. PM.

Luck (Rusujo-Wolynska). — S-ro Josef Wojcikiewicz, Ostrozec, librotenisto de Administrejo Ostrozec (interŝanĝi skemojn de terkulturaj libroj, fotografaĵojn, Pl., PM.)

Mallorca, insulo (Hispanujo). — S-ro Ramon Sbert, kuracoscienestudento, strato Cruz, 14, Llubi, Pl. L. PM.

Manlleu (Hispanujo, Katalunujo). — Srro Buenaventura Nogué, str. Santo Domingo 18, PK. L.

Montevideo (Urugay). — S-ro Raŭl V. Idoyaga, Casilla de Correo 303, PL., K. (kun ĉiulandaj samideanoj, escepte francaj, anglaj, germanaj, aŭstriaj kaj rusaj. Respondo laŭ deziro per 2 aŭ 3 kartoj).

Moskvo (Rusujo). — S-ro A. Gavrilov, Taganka, Durnoj 18, kv. 6.

Moskvo (Rusujo(. — S-ro T. Colev, Bolŝie Kamentŝiki, 22.

Praha II (Bohemujo). — F-ino Marie Moudra, Eliŝĉina tr. 26, Pl.

Praha VII (Bohemujo). — F-ino Marie Volfova, Madrazni ul. 785, Pl.

Pribram 266/II (Aŭstrio, Bohemio). — S-ro F. Rouĉka, Pl.

Rio de Janeiro (Brazilujo). — S-ro Humberto Chaves, rua Manuel Victorino no. 575, Piedade, Pl.

Rio de Janeiro (Brazilujo). — S-ro. J. Augusto Chaves, rua Manuel Victorino, Nº 575, Piedade, Pl.

San Pier d'Arena (Italujo, Genova). — S-ro Rag. Eugenio Vene, Municipio.

Valaŝ Meziriĉi (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Ilrstka Old, stud., Kralovska ul. 171, Pl. L. PM.

Vilno-Vokzal (Rusujo). — S-ro Aleksandro Karavaŝkin, Pl. bfl.

## PETOJ KAJ PROPONOJ




*La Administranto (Gérant) :* Michaud

Laborista Kooperativa Presejo, 15, rue Amiral-Roussin. Dijon (Francujo).


